Ĉefredaktoroj: Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay




Junio 1932. Aperas dekfoje jare 6-a numero.

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53. V. 7. Telefono 380—81.**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallin), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czestohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloš Lukáš (Trnava), Alessandro Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. E. Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa).*

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# REDAKCIA POŜTO

*S-ro Saar, Aŭstralio.* Via sendajo estis valorigebla nur por sv. fr. 6.30. Bonvolu do sendi ankoraŭ 2.70 sv. fr. por ke estu kompleta tutjara abono. Kun tio ĉi ni avertas denove ĉiujn ŝatatajn abonantojn kaj klientojn, ke ni povas uzi bone nur la monon de la ĉefaj eŭropaj ŝtatoj kaj Usono.

*S-ro Friis, Aabyhöj.* Via abono estas komprenebIe en ordo. La presajojn espereble vi jam ricevis.

*S-ro Donkersloot, Pamekasan.* Viaj fakturoj estas ordigitaj ĉiuj. Dankon.

*S-ro Dratwer, Warszawa.* Dankon por la novelo. Ni aperigos ĝin, sed bonvolu pacience atendi. Por longaj noveloj ni havas lokon nur tre malofte. *Mallongajn* tradukojn el la moderna rusa literaturo ni volonte akceptos kaj eble ni povos ilin eĉ pli frue publiki.

*S-ro F. P. Neustift.* Je nia plej granda bedaŭro ni principe ne povas publikigi artikolon jam aperintan ie. Bonvolu mem verki pri tiu temo kaj ni volonte malfermos diskuton pri ĝi.

*S-ro N. D. Perovo.* Espereble vi jam ricevis ĉion. Vi povas ricevi ankoraŭ tiun libron.

*S-ro Lilok.* Ni esperas, vi jam ricevis ĉion en ordo. Ni petas pardonon pro la kontraŭvola prokrasto, kion ni klopodos ne ripeti alifoje. La Granda Enciklopedio de Esperanto ankoraŭ ne aperis. Pri ĝia apero kaj prezo vi legos baldaŭ la necesajn informojn.

*S-ro Willems, Amersfoort.* Pardonu nian kulpon. Certe, via abono estas en ordo, kion pruvis ja, ke ni sendis la gazeton seninterrompe. Sed vi havis erare ĉe ni du abonslipojn. Unu ordigitan kaj unu neordigitan. La duan ni neniigis kaj tia eraro ne plu okazos.

*S-ro S. Liepaja.* Certe ni akceptas respondkuponojn por libromendoj. Ili povas esti poŝtaj aŭ tiuj de UEA.

## GRAVA INFORMO
## por la vizitantoj al la XXIV-a kongreso

S-ro V. *Bleier*, administranto de *Literatura Mondo* kaj redaktoro de la *Enciklopedio de Esperanto* vizitos Parizon. Li estos konstante en la stando de Literatura Mondo (tie aparte starigota) kaj tre volonte donas ĉiujn informojn kaj konsilojn al ĉiu vizitanto kaj interesiĝanto.

Samtempe en Parizo restadas s-ro *Baghy*, ĉefredaktoro de nia gazeto, kiu same volonte donos informojn pri redakciaj aferoj.

Literatura Mondo ankaŭ en tiu ĉi jaro aranĝos literaturan prezentadon, kie rolos inter aliaj *Baghy, R. Schwartz, Jean Forge, S. Grenkamp, L. N. Newel, S. Engholm, Kalocsay, Sárossy.*

### NI PREPARAS GRAVAN KAJ INTERESEGAN SURPRIZON!

La prezentado okazos tre verŝajne la 1-an de aŭgusto, vespere je la oka kaj duono en la granda teatroĉambro de la kongresejo. Eniro senpaga por la aĉetantoj de la kongresa numero de Literatura Mondo. Niaj abonantoj rajtas eniri, aĉetante ian libron ĉe nia stando almenaŭ por 9.— frankoj. En tiu okazo nepre postulu senpagan enirbileton, kiu rajtigas por eniro!

### Neologismoj

en tiu ĉi numero, ne troveblaj en la Plena Vortaro de S. A. T.:

*ŝameso:* juda eklezia servisto
*stoko:* varkvanto en tenejo
*heŭreka (greka):* Mi ektrovis!
*Dixi (latina):* Mi diris!
*futuro:* estonteco
*kajto:* paperdrako
*retro:* reen returne.
*retro:* reen, returne
*plumpa:* malgracia maleleganta
*prezi:* aprezi, ĝuste taksi

*La kliŝojn afable pruntis la kroata kultura ĉefinstituto Matica Hravatska, Zagreb.*



**Nia sekva numero aperos la 25-an de julio**

# IDO KAJ ESPERANTO

## Principa kontraŭeco

— Prof. E. Grosjean-Maupin —



Ĉiu reklamisto scias, kiel grava estas trafa elekto de la nomo por la reklamota afero: multaj komercistoj kaj industriistoj dankis sian sukceson nur al ia lerte elpensita titolo aŭ reklama frazeto.

La kreintoj de Ido, elektante tiun nomon por la nova lingvo, montris, ke ili estas almenaŭ tre lertaj reklamistoj, ĉar la plej efika batalilo de Ido kontraŭ Esperanto estas ĝuste tiu ĉi nomo »IDO«, kiu erarigas ne nur la neesperantistan publikon, sed eĉ ankaŭ kelkajn Esperantistojn, kredigante, ke la lingvo IDO estas ja ido kaj filo de Esperanto, bazita sur tiaj samaj principoj, kiel la patro, kaj diferenciĝanta nur per flankaj, malĉefaj, facile ŝanĝeblaj detaletoj. Memkompreneble estas, ke Ido, estante nur posta formo de Esperanto, estas pli perfekta ol ĝi, ĉar la filo, naskiĝinte pli malfrue, povis profiti la antaŭan sperton de la patro kaj evoluinte pliboniĝis.

TIO ESTAS MALVERAJO. Ido ne estas nek povas esti filo de Esperanto; ĝi eĉ ne estas nek povas esti bastardo de Esperanto, pro tio, ke, estante bazita sur *principoj* ne nur tute diferencaj je tiuj de Esperanto, sed eĉ tute *kontraŭaj* al ili, ĝi ne apartenas al la sama lingva familio. Tiun malsamfamiliecon kaj absolutan kontraŭecon estas facile konstati, konsiderante la principojn de Esperanto kaj komparante ilin al la principoj de Ido:

1. Primetoda principo: PRAKTIKECO.

Zamenhof ĉiam juĝas la lingvajn demandojn el vidpunkto praktika, ne teoria; li ĉiuokaze rezonas kiel multsperta lingvuzanto. »Neniam gvidu vin, li diras, per konsideradoj teoriaj, kiel ajn belaj ili ŝajnas... Senfrukta kaj danĝera estas la sekvado de teoriaj principoj, se ni ne demandas nin, kian praktikan signifon ili havas. Tio, kio en la teorio ŝajnas tre bona kaj trovas aprobantojn, en la praktiko ofte havas nenian signifon.« La sperto sciigis al li, ke ĉiu idealo de perfekteco estas nur individua, pli malpli arbitra, kaj aliiĝas kun la personoj tiamaniere, ke nenia akordiĝo estas iam efektivigebla inter la diversaj teoriistoj; nur la neeviteblaj bezonoj de la praktika uzebleco kapablas trudi vole nevole al ĉiuj komunajn kondiĉojn kaj nediskuteblajn regulojn.

MALE, Ido ĉiam juĝas la lingvajn demandojn el vidpunkto abstrakta kaj teoria; ĝi konstante rezonas kiel matematikisto aplikanta al la lingvaj, nature malsimplaj, multflankaj kaj interplektitaj aferoj la rigidan, sencedan kaj senkompromisan, tie ĉi netaŭgan, matematikan metodon. Ĝi celas lingvon konforman al nure teoriaj principoj, lingvon idealan kaj teorie perfektan.

2. Ĉefa principo: FACILECO.

Zamenhof persiste opinias, ke la unua kaj plej grava kondiĉo por lingvo internacia estas la plej eble granda facileco. Estas nepre necese, li ripetas multfoje, »ke la lingvo estu eksterordinare *facila*.« Li rigardas la internaciecon de la vortaro nur kiel unu el la diversaj uzeblaj rimedoj por atingi la plej grandan facilecon.

MALE, Ido rigardas la internaciecon de la vortaro kiel la plej superan kaj esencan regulon de la internacia lingvo kaj kiel absolutan senkondiĉan principon. »Parolante nur pli la necesega facileco de la internacia lingvo, oni malprave silentas pri la *esenca principo: la internacieco* de la formantaj elementoj... Ĉiuj radikoj devas esti kiel eble plej internaciaj... La lingvo internacia devas submeti sin *plej severe* al la regulo de internacieco, eĉ de la *maksimumo de internacieco*... La maksimumo de internacieco estas la idealo de la lingvo«.

3. Dua principo: FACILECO POR ĈIUJ.

Difinante la facilecon, pri kiu li parolas, Zamenhof precizigas sian penson: la lingvo devas esti kiel eble plej facila »por ĉiuj«, eĉ »por nekleruloj«. Li klare konscias pri la malsameco inter la facileco, kiun li celas, kaj la facileco, kiun celas Ido: »Tute ne estas bezone, li diras, ke, kiel opinias multaj pli novaj projektistoj, la instruitaj lingvistoj povu tuj kompreni tekston skribitan en lingvo internacia. En tia afero la instruitaj lingvistoj ludas *la lastan rolon*, ĉar por ili ja tia lingvo estas *malplej bezona*.«

MALE, Ido, en siaj propagandiloj, precipe fieras pro tio, ke, »estante tre analoga al Esperanto, ĝi tamen superas Esperanton *pro sia tuja kompreneblecо*«. Sed la idistoj forgesas aldoni, ke tiu ĉi mirinda tuja komprenebleco, aŭ, pli ĝuste, divenebleco, koncernas *nur la »poliglotulojn«*.

4. Tria principo: DERIVADO NE EKZISTAS EN ESPERANTO.

Ĉar »en nia lingvo ĉiu parto gramatika prezentas apartan vorton«, la malsimplaj vortoj estas nepre formataj nur per KUNMETADO, neniam per derivado. Sekve neniu ajn regulo pri derivado, kiel ekzemple la regulo pri renversebleco, povas koncerni Esperanton. Sro Couturat plene eraras kaj erarigas la legantojn, kiam li asertas, ke »la sistemo de la derivado en Esperanto estas sendispute la plej karakteriza trajto de tiu lingvo.« Kontraŭe, la plej karakteriza trajto de nia lingvo estas ĝuste la NEEKZISTADO de iu ajn derivado. Neniam pri ia derivado parolis Zamenhof, kaj, en la jaro 1913, la Akademio oficiale deklaris, »ke la vortfarado de Esperanto estas fondita sur la konstruo de ĉiu aparta vorto kaj ne sur tiel nomitaj reguloj de derivado.«

MALE, en Ido la *derivado* estas la plej grava kaj plej ofta procedo de vortfarado kaj Sro Couturat verkis specialan »traktaton pri derivado en Esperanto« konscie aŭ nekonscie konfuzante siajn proprajn teoriojn kun la ideoj de Zamenhof kaj malprave altrudante al Esperanto procedon, kiun efektive ĝi ne konas, kaj regulojn pri derivado, kiuj tute ne povas konveni al lingvo ne uzanta la derivadon.

Kvara principo: SENABSOLUTECO KAJ SENRIGIDECO DE LA PRINCIPOJ KAJ REGULOJ. Zamenhof, ĉiam celante kontentigi ne la postulojn de abstraktaj

terioj, sed la malsimplajn diversflankajn bezonojn de la praktiko, konstante ripetis la konsilon: »Ĉio devas esti en ĝusta mezuro«, kaj li aplikas tiun ĉi rezervon al *ĉiuj* principoj kaj gvidreguloj. Oni devas »kunigi kaj konsentigi inter si diversajn principojn... Esperanto kontentigas *ĉiun* principon *laŭ mezuro de ebleco*, penante plej zorge, ke ĝi ne kontraŭagadu al aliaj pli gravaj principoj.« Li opinias, ke lingvo internacia devas kontentigi ne nur la postulon pri logikeco, aŭ ian ajn alian postulon, sed ankaŭ »*ĉiujn* aliajn postulojn, kiuj povas esti farataj al lingvo internacia« kaj kiujn tute ne zorgas la Idistoj, ekzemple la »*naturecon, vivipovecon, fleksebllecon, sonorecon*, k. t. p.«

MALE, Ido rigardas siajn principojn kiel nepre absolutajn kaj senkondiĉajn kaj, laŭ la rimarko de Zamenhof mem, ĝi »penas plibonigi unu ian flankon de la lingvo, oferante por tio ĉi ĉiujn *aliajn* flankojn.«

Tiun ĉi superan ĝeneralan regulon de »ĝusta mezuro« Zamenhof precize aplikas mem al kelkaj apartaj demandoj, logikeco, komuna uzado, unusignifeco, idiotismoj, k. t. p.

Li malkonsilas la »tro grandan logikecon«, li ne akceptas la logikaĵojn, »kontraŭ kiuj protestas lia lingva sento«; li rekomendas, ke »nia lingvo ne estu tro preciza, ĉar tiam ni nin mem katenus... Ĉar la tuta esenco de lingvo estas bazita antaŭ ĉio sur interkonsento, tial komuna ĝisnuna uzado devas ludi pli gravan rolon ol seka teoria logikeco... Ne sole en naturaj lingvoj, sed ankaŭ en lingvo artefarita ĉio, kio estas uzata de la plimulto de bonaj verkistoj, devas esti rigardata kiel bona, se ĝi eĉ ne estas absolute logika; ĉar se ni postulos ĉiam nur logikon absolutan, tiam la libera uzado de lingvo fariĝos tute ne ebla.«

Sammaniere, kvankam Zamenhof rigardas la unusignifecon de la vortoj kiel ĝenerale taŭgan kaj preferindan, kvankam li plej ofte unusignifigis la radikojn, tamen tiun ĉi regulon li aplikas ankaŭ »en la ĝusta mezuro« kaj sen ia absoluteco. Tial troviĝas en la Fundamenta Universala Vortaro kelkaj radikoj, kiuj estas nur ŝajne unusignifaj, ĉar ili estas tradukitaj per nacia vorto, kiu estas plursignifa. La Vortaro de *Bein* kaj la PLENA VORTARO de SAT eĉ apartigas per ciferoj la diversajn signifojn de la plursencaj radikoj.

La samo fariĝas pri la idiotismoj: kvankam Zamenhof konsilas traduki la naciajn apartaĵojn per esprimoj klaraj por ĉiuj kaj internacie kompreneblaj, tamen li ne ekstermas senkondiĉe la idiotismojn, t. s. la ne plene logikajn esprimojn. Li tute precize deklaras, ke »ankaŭ en Esperanto troviĝas diversaj *idiotismoj*, kaj *tute malprave* kelkaj Esperantistoj ilin kontraŭbatalas, ĉar lingvo absolute logika kaj tute sen idiotismoj estus lingvo sen vivo kaj tro peza.«

MALE, Ido tute ne zorgas pri interkonsento nek pri komuna uzado; ĝi konstante atentas nur la teorian rigidan logikecon, kiun ĝi ofte malprave konfuzas kun la klareco kaj facila internacia komprenebleco; postulante severan unusignifecon, ĝi malpermesas la plursignifecon, ĝi malpermesas la plursignifecon de la radikoj kaj vortoj: »Tio, kio distingas Idon, estas la *absoluta* internacieco... Ido ne estas bazita sur la komuna uzado, kiel la naturaj lingvoj, sed nur sur la logiko, kaj la tutan logikecon de la lingvo konsistigas la principo de unusignifeco.« Ido pretendas absolute forigi la idiotismojn kaj, deklarante, ke »la idiotismo estas la plej danĝera malamiko de la lingvo internacia«, ĝi fieras, ke la »propra karakterizilo de tiu ĉi lingvo estas, ke ĝi havas nenian idiotismon, nek en la gramatiko, nek en la formado de la vortoj, nek en la frazeologio.«

## Knabina printempo

**— Nikolao Hovorka —**

*Printempe ekfloras la dolĉaj knabinoj*
*Simile al herboj, matenen klinitaj,*
*Al birdoj flugemaj, al nuboj forglitaj,*
*Al mil surĉielaj vesperaj karminoj.*

*Kaj ili forgesas ĉagrenon kaj penon,*
*Ilian animon brileto jam movas,*
*Elsonĝan fabelon la koro retrovas*
*Kaj kantas esperan printempkantilenon.*

*Rigardas kun ĝoj' el okuloj anĝelaj*
*Fil'noj de Dio, filinoj de homoj,*
*Knabinoj, naskitaj, kreskintaj en domoj*
*Kelkiam plenlumaj, plej ofte malhelaj.*

*Sed kiam printempas, jen ili memoras*
*Nur sunon, feliĉon, herbejon, alaŭdon,*
*Kaj gloras la mondon, kaj scias nur laŭdon,*
*Kaj floras kaj floras kaj floras kaj floras.*

## Murdita patrino

**— Nikolao Hovorka —**

*Jam tra la nazo e'rampis vermo,*
*Jam la virino en tombo putris.*
*Murdita la vivo. Sed viva la ĝermo!*
*Jen ekmoviĝis! — Kion vi nutris,*
*Ho morta virino en tombo mizera?*
*Kaj venis printempo, kaj kreskis la ido*
*El morta virino, el forto utera.*
*Ĉielo aperis jen ruĝa, jen blua,*
*La nuboj fuĝflugis dum naŭ monatoj*
*Dum ploro kaj rido, dum sun' kaj pluvbatoj.*
*Printempis kaj venis violo unua.*
*Kaj estis komenco kaj ne estis fino!*
*Kaj naskis infanon murdita virino,*
*Ke venĝu la filo per sango kaj sabro,*
*Ke lia patrino nur estis kadavro.*

---

Ni sekve rajtas diri, ke Ido tute malprave kaj malvere distrumpetas, ke ĝi »ne estas nova lingvo«, ke ĝi estas »nur plisimpligita kaj plibonigita formo de Esperanto, kiu konservis la esencajn principojn, al kiuj Esperanto dankas sian sukceson«. Tio ESTAS MENSOGO. En la realeco Ido estas lingvo kerne kaj esence diferenca de Esperanto, malgraŭ ŝajna supraĵa kaj ekstera simileco; ĝi ne havas pli da rajto por pretendi sin plibonigita formo de Esperanto ol ekzemple la latina senfleksia lingvo de Sro Peano aŭ la lingvo Apolema, aŭ Dilpok, aŭ Novilatin, aŭ iu ajn el la ceteraj proponitaj internaciaj lingvoj, kiuj neniam reklamis sin idoj kaj formoj de Esperanto. Ido similas la kukolon, kiu, ne estante kapabla konstrui mem neston, metas siajn ovojn en la nesto de alispeca birdo. Nepra devo estas por la Esperantistoj forjeti la fremdajn kukolajn ovojn kaj denunci senhezite la artifikan kaj hipokritan taktikon de la Idistoj, konsciante, ke tiu, kiu akceptas kaj trovas taŭgaj la principojn de Esperanto, ne povas akcepti samtempe la pretendatajn plibonigojn de Ido, bazitajn sur principoj tute kontraŭaj.

# Arto poezia

C. E. R. Bumy

Sesa ĉapitro

Mi jam parolis pri la nigra listo
De tiu kaj ĉi tiu kritikisto,
Pri harfendadoj subtilgramatikaj,
Superekzaktaj kaj superlogikaj.
Jes, al sinjoro iu vort' aŭ formo
L' okulojn foje pikas kvazaŭ dorno,
Kaj li, kriante en ekstaz': Heŭreka,
Ĝin ruĝkrajonas kaj deklaras peka,
Kaj pri ĉi temo plu neniam cedas,
Ĝin terenbatas, per genuoj knedas
Sovaĝe, kiel iam en turniro
La malamikon kruda kavaliro.
Ĉu lin konvinki? Malfacila tasko.
La vortoj ne penetras tra la kasko.
Vi vane krios: »Ĝin ja ĉiu uzas!«
Eĉ se li aŭdus, lin vi ne konfuzas,
Li plue rajdas al batalo sprone,
Rekrias al vi: »Tiom pli malbone!«

Sed ĉiun malkomprenon mi korektas:
Tiujn sinjorojn ege mi respektas.
Jes, la sinjorojn mem. Sed la »principojn«?
Ne, eĉ se oni rompos miajn ripojn.
Mi asertegas, malgraŭ ĉiu klingo,
Ke la logiko servu al la lingvo,
Kaj ne la lingvo estu ĝia sklavo.
Do, malgraŭ ĉiu logikparagrafo,
Se io estas jam familiara,
Natura, kaj facile, simple klara,
Kaj donas bonan helpon por koncizo,
Tion sentime uzu, kun devizo:
De nia lingvo for la trudkitelon!
Vi tute rajte faros ĉi ribelon,
Ĉar ĉio prave vivas kaj funkcias,
Kion la vivo kaj kutim' sankcias,
Spite al subtilkapaj ambicioj
Vivu la vivaj lingvaj tradicioj!
Ja, akceptinte ĉi harfendojn tute,
Paroli oni povus nur balbute,
Ni ĉiam sentus kvazaŭ pulo-pikon:
Ve, ĉu mi ne ofendis la logikon?
Kaj nia Esperanto estus vere
Plej malfacila lingvo tutatere,
Rilate al pezemo kaj rigido
Envie hontus antaŭ ĝi la Ido.
Ĉefpostulat': viveco kaj elasto.
Kaj vane volas kelkaj, por balasto,
Matematikon en la lingvon miksi,
La lingvo vivas, vivi volas. *Dixi!*

La lingvo vivas, kreskas kaj burĝonas,
Kaj frukte — ankaŭ novajn vortojn donas.
Tre delikata tem': *neologismo*,
Kiun tra ege malamika prismo
Rigardas kelkaj kaj se pri ĝi temas,
Plej indigneme ili anatemas.
Kontente pri plej eta lingvo-kerno,
Aŭ pro la abomeno al vortlerno,
Aŭ time pro la lingva malfacilo,
Predikas ili tuj pri malutilo,
Kaj permesante ĝuste nur sufiĉon,
Ili deklaras virto la malriĉon.

Nu, certe, por agenti tra la mondo,
Kaj por kolekto kaj por korespondo,
Eĉ por bezonoj de la ama flirto,
Tiu malriĉ' facila estas virto.
Sed la poeto, dum la strebo arta,
La vortprovizon sentas iom Sparta,
Kaj trovas, ke per ĝi nur balbutante
Interpretiĝus la vortriĉ' de Dante.
La konstruanto de l' litera turo,
Kredante, ke li penas por Futuro,
Ne povas pensi dum la alta kanto
Pri la stumbladoj de la komencanto.
Li volas forĝi lingvon, riĉe brilan,
Al grandaj lingvoj indan kaj similan,
Ne lingvon palan, platan kaj senkultan,
Lernindan, ĉar ĝi ŝparas penon multan,
Sed lingvon grandan, pompan, altnivelan,
Lernindan, ĉar de riĉaj beloj ŝvelan.
Cetere, por raketi per la rimoj,
Li ege ĝojas pri la sinonimoj,
Kaj, por eviti dum traduk' aborton,
Li pene serĉas pli mallongan vorton.
Do, li plezuras pri la vorto nova,
Pli nuancriĉa kaj pli esprimpova,
Eĉ, tiajn kvazaŭ ĉasas li per hoko,
Por gardi ilin zorge en la stoko,
Ĉar vorto estas lia materialo,
Kaj ĝi necesos eble por falbalo.
Kaj, krom ke tiajn vortojn li karesas,
Eĉ mem li kreas novajn, se necesas,
Preninte ilin lerte el fontlingvoj
De Esperanto, per zorgemaj fingroj.
Kaj se lin oni batus tro malmilde,
Li povas preni mem la Majstron ŝilde,
Ĉar, ke li cedis al vortfaraj tentoj,
Atestas novaj vortoj, multaj centoj;
Ne sole vortoj, kiuj nepre mankis,
Sed ankaŭ, kiuj la naskiĝon dankis
Al koncizem' kaj »esprimpov-manio«.
Jen: *kalva, ŝrumpi, strikta, greg', ferio.*

Ekzistas krome kelkaj vortoj *malaj*,
Kiujn poeto sentas grize palaj,
Ĉar per la mala marko de l' direkto
Sanĝiĝas nur la senc', ne la efekto.
Eĉ, estas mia sento malgraŭvola,
Ke la *malmola* molas pli ol *mola*.
Poste, minacas min erar' eterna:
*Fini* kunsidon per parol' *malferma.*
Ĉu povus iu pri la vort' malcerti,
Se kun Grabowski dirus ni: *aperti*?

Kaj jam videblas certe la tendenco
De novaj vortoj por la mala senco.
Ke ni preferas: *fora, misa, eta,*
Tio jam pruvas pri konspir' sekreta.
Grabowski (li ne verkis pri negoco)
Ekuzis jam: *disipi, rara, noco,*
*Neglekti* kaj *obstaklo* kaj *humida.*
Kaj, ho, *horora* sento antaŭvida,
Jen, *trista, dura* staras jam sur sojlo,
Kaj *morna, plumpa, pigra* kaj *orgojlo,*

Eĉ, *povra*, kaj *prohibi*, kaj *obskura*.
Ho, kia listo drasta kaj terura!
Fermu la libron, ĵetu ĝin alplanke,
Ŝanĝu poŝtkartojn (marko nur bildflanke!).

Sed eble tamen havos vi komprenon:
Ke alta ĝuo indas altan penon,
Ne povas esti arta fundamento
La triumfigo de l' maldiligento.
Kaj ke ne portas tiom da danĝero
La vortabund', kiel la vortmizero.
Aŭ, se al riĉ' rifuzas ni la rajtojn,
Ni ne flugigu poeziajn kajtojn,
Ni iru do, rezigne pri l' beletro,
Al la Eternaj Kalendaroj retro.

# Ni vivas kiel la kolomboj

Moderna tragikomedio en duonhoro

— **Julio Baghy** —

## Kvara sceno

*MAKS, ZAZA, HUGO.*

*HUGO (aperas ĉe la pordo)* : Zaza, la bebo ploras. *(Turmenta silento. Maks kaj Zaza esplore rigardas la mienon de Hugo. Ĝi esprimas nescion.)*

*ZAZA (kun altrudita rideto):* Ĉu la bebo maltrankviliĝas?

*HUGO* : La bebo malsatas. La bebo deziras vidi sian panjon.

*ZAZA (ankoraŭ luktanta kun siaj sentoj)* : Jes! Tuj! Atendu momenton!

*MAKS (kun malica rideto)* : Sinjorina moŝto, la patrina devo atendas vin.

*ZAZA (iom tirante la vortojn por diveni la senton de Maks)* : Ho, jes, sed... sed ĵus mi memoras, ke vi menciis pri via okupateco, rendevuo ĉe la Ekspozicia Komitato kaj ... kaj mi volas adiaŭi vin. Verŝajne vi tre rapidas kaj eble eĉ vi jam iomete malfruis ... Ĉu ne?

*HUGO* : Sed kial vi memorigas lin pri la foriro. Ankaŭ mi ĝojus, se mi povus iom babiladi kun vivanta artisto. *(Al Maks)* Sinjoro, bonvolu resti. Estos agrable por mi.

*MAKS (fikse rigardante Zaza-n):* Verdire, mia vizito koncernis vin ambaŭ.

*Ekstera infanplorado)*

*HUGO* : La bebo malsatas. La bebo vokas sian panjon.

*ZAZA (aplombe)* : Ĉu vi restos?

*MAKS (torture)* : Via edzo tiel afable petis min resti, ke mi ne povas rifuzi tian ĝentilecon.

*ZAZA* : Do bone! *(Ŝi iras al la pordo de la dormoĉambro. De tie ŝi turnas sian rigardon al Maks. Signifplene):* Por mi egale!

*MAKS* : Sinjorina moŝto, la patrina devo...

*ZAZA* : Same kiel ĉe vi la patra... Ĉu ne? *(Ŝi foriras)*

## Kvina sceno

*MAKS, HUGO*

*HUGO (post ioma paŭzo):* Ĉarma patrineto. Ĉu ne?

*MAKS* : Jes, vi pravas. Ŝi estas pli ĉarma ol en sia knabineco. *(Li prenas sian cigaredujon)* Bonvolu! . . . Egipta importaĵo.

*HUGO* : Ĉu vere? Pardonu, mi ne dubas. *(Li prenas unu)* Verdire, mi ne scias, ĉu ... ĉu ... Certe vi scias, ke mia edzino ne toleras la fumon.

*MAKS:* Ĉu vere? Io nova antaŭ mi. Kiel knabino ŝi neniam protestis kontraŭ la fumado.

*HUGO* : Efektive, kiel knabino, ŝi ne protestis, eĉ ŝi donacis al mi skatolon da ortubaj cigaredoj *(Vidante, ke Maks serĉas alumeton li elpoŝigas sian fajrilon)* Jen, mia »memĉagrenilo«!

*MAKS* (ridante) : Trafe! Ĝuste ĝi ne funkcias tiam, kiam oni pleje bezonas.

*HUGO* : Kiel la homa volo. Ankaŭ ĝi ĝuste mankas tiam, kiam ni pleje bezonas. *(Li ekfunkciigas la fajrilon kaj prezentas fajron al Maks)* Bonvolu!

*MAKS (ekfumas)* Dankon! ... Nu, kaj vi?

*HUGO (iom hezite)* : Nu, bone. Ankaŭ mi ... pro la gasto. *(Li ekfumas)* Ĝi estas bongusta, sed iom malforta. Kompreneble, mia tabako ... Bonvolu eksidi!

*MAKS* : Dankon! *(li eksidas)*

*HUGO (momenton rigardas al la pordo de la dormoĉambro, poste ankaŭ li eksidas)* Jen, la bebo silentas ... Jes ja, la panjo estas ĉe ŝi.

*MAKS* : Jes!

*HUGO (rigardante antaŭ si post ioma paŭzo)* : Jes... *(Lia konduto klare montras, ke li dezirus komenci la konversacion, sed li ne scias kiamaniere)* Nu, la homa volo estas kiel la »memĉagrenilo«. Ĝi ne ĉiam funkcias.

*MAKS (sektone kaj iom meditante):* Ne.

*HUGO (sammaniere)* : Ne.

*MAKS (post paŭzeto)* : Vi vivas tre bone kaj komforte.

*HUGO* : Jes, komforte... Ni havas du ĉambrojn kaj la bopatrinon.

*MAKS* : Ĉu ankaŭ ŝi apartenas al la domo ?

*HUGO (kun rido)* : Ne tute, sed preskaŭ... Krome ni havas kuirejon. Sincere, ĝi estas nur kuirejeto, ĉar la antaŭĉambron mi faris forpreninte iom el la kuirejo, sed tamen ... tamen... Krome ni havas gasan, akvokondukilon kaj ... kaj — vi scias ja kion !?

*MAKS* : Jes. La bopatrinon.

*HUGO (bonhumore)* : Ne, ne! Cetere ŝi nun ne estas ĉe ni. Mia edzino havas ankoraŭ kvar fratinojn kaj ŝia patrino laŭbezone pasigas pli malpli longan tempon ĉe ĉiu sia filino. Antaŭ semajno ni ricevis telegramon de Milla pri baldaŭa familia okazontaĵo kaj post Milla sekvos — laŭ la aŭspicioj — Margareta. Do antaŭvideble mia bopatrino revenos al ni nur post jaro.

*MAKS (iom mire)* : Ĉuuu? Jam post jaro?

*HUGO (kun embarasa rideto)* : Nu, ne certe, sed verŝajne. Vi scias — sed kiel vi scius? ! — mi tre amas la etajn homplantaĵojn. Mi estas ja — p a t r i n b e s t o. *(Li rigardas al Maks kaj ekridas)* Patrinbesto. Ĉu ne, sinjoro?

*MAKS (embarasite):* Mi ne komprenas.

*HUGO (kun la sama trankvilo)* : Bone, bone, sed vi ne dubas pri tio. Ĉu?

*MAKS (kun pliiĝanta embaraso)* : Ne, ne, mi ne komprenas ... Pri kio vi aludas per tiu vorto ?

*HUGO (iom akcentante la vortojn)* : Sinjoro, vi forgesis, ke la pordo ne estas tre dika kaj ĉiu vorto plilaŭta penetras tra ĝi ... Nu, mi estos pli singarda. Mi parolos tute mallaŭte. Eĉ tiel ni komprenos unu la alian. Ĉu ne?

*MAKS (salte leviĝas kaj kavalire pozas):* Mi estas preta doni kontentigon al vi.

*HUGO (trankvile kaj simple)* : Bonvolu residiĝi.. Certe miaj kolegoj tre fierus pri mi, se ... Sed mi ne ŝatas la hazardojn. La hazardoj ofte estas maljustaj. Mi ne deziras plimalbeligi mian vizaĝon, nek truigi min kiel la trambileton. Estus malsaĝe, tute malsaĝe! ... Bonvolu residiĝi kaj aŭskulti min.

Ni interparoladu, kiel du homoj. Ne kiel du mezepokaj kavaliroj, sed kiel du homoj, kiujn la hazardo renkontigis.

*MAKS (residiĝas, kun ironia rideto rigardas al Hugo):* Mi ripetas, mi estas je via dispono kaj preta doni kontentigon.

*HUGO (iom ĝenite de la konduto de Maks) :* Sinjoro.. Nu kiel diri? ... Jes! Mi volas paroli ne al viro, sed al homo. Lasu tiajn esprimojn. Mi ne legis sufiĉe da romanoj por konvene respondi, sed dum mia mallonga vivo mi jam travivis tiom, ke mi ne dezirus oferi la nunon por malcerta kaj suferplena estonteco.

*MAKS (ironie):* Mi ne dubas pri tio.

*HUGO :* Ne! Vi ne bone komprenis min... Mi tre amas mian edzinon kaj ankaŭ ŝi — nu, laŭ siaj kapricaj inklinoj — amas min. Eĉ ŝi mem ne konscias sufiĉe pri sia amo al mi, sed ŝi estus treege malfeliĉa, se ŝi perdus min. Ne miru pri tio. Mi konas la vivon ne el romanoj.

*MAKS (pro la trankvilo de Hugo perdas ĉiam pli sian arogantecon) :* Bone, mi komencas kompreni vin, sed ne tute klare... Finfine, kion vi deziras de mi ?

*HUGO :* Nur tion, ke ne doloru al vi pli, ke la infano ne similas al vi, ol doloras al mi, ke ŝi ne similas al mi ... Ne rigardu tiel konsternite !

*MAKS (tute embarasite):* Sed sinjoro... Ba, kiel vi povas imagi, ke tio doloras al mi. Finfine la infano ... la infano...

*HUGO (fariĝas ĉiam pli kaj pli certa en sia konduto kaj sinteno. Li sentas, ke li venkos ĉe la fino) :* Mi konas vin tre bone. Mi scias, kiu vi estas kaj kian rolon vi havis en la vivo de mia edzino en ŝia knabineco. De kiu mi scias? Ne de mia edzino. Ŝiaj plej bonaj amikinoj rapidis bonvole informi min tuj post mia gefianĉiĝo. Pri ĉio kaj ĉiu. Ĉu vi komprenas? Pri ĉiu.

*MAKS:* Sed mi certigas vin, ke...

*HUGO :* Nenion certigu ! Vi finludis vian rolon kaj vi havos neniam plu similan rolon en ŝia vivo. Tion mi certigas al vi.

*MAKS (momente sentas sin ofendita) :* Nenion certigu! Tio dependas ne de vi,...

*HUGO (trankvile) :* Kaj ne de vi ... Cetere vi venis por venĝi. Ĉu ?... Sed kion kaj pro kio ? Momente inter ni ne estas granda diferenco. Vi preterlasis la okazon kaj mi . . . nu, mi iomete malfruis. Sed la pasintaj okazajoj apartenis al la Vivo. La nuno apartenas sole al la Amo.

*MAKS (delikate moke):* Vi parolas tiel, kvazaŭ la Amo ne apartenus al la Vivo.

*HUGO (tre simple, sed kore) :* Mi pensis jam ofte pri tio. Ne ridu pri mi, sed mi trovis, ke la Amo, la vera kora amo ne apartenas al la Vivo. La Vivo estas ĉiam malbela, turmenta, embuska. La Amo estas ĉiam bela, karesa kaj senpretenda. En la Vivo ĉio povas montriĝi monstra, sed en la Amo eĉ la monstroj povas plibeliĝi. Mi memoras, en mia vilaĝo vivis stranga paro. La edzino estis ĝibulino, la edzo havis apenaŭ homan vizaĝon pro infanaĝa akcidento. Kaj, vidu, tiuj du homoj fidele kaj ĝistombe amis unu la alian. La amo en ilia rigardo malaperigis la difektojn. La amo estas afero de du geamantoj. La Vivo ne komprenas tion, ĉar la Amo ne apartenas al la Vivo.

*MAKS (iom surprizite rigardas la sensignifan figuron de Hugo) :* Individua filozofio... Verdire, mi ne supozis, ke ...

*HUGO (senkulpigante sin) :* Individua ... jes ... Verdire mi ne scias, kion oni diras pri la Amo en la Panĉarandata, en tiuj kvin libroj, kiuj kune faras unu libron kaj mi ne konas la opinion de la Fratoj Karamazov, nek tiun de Onklino Betty, sed mi sentas, ke mi ne povus vivi sen mia edzino. Ĉu vi komprenas min ?

*MAKS :* Jes. Mi komprenas vin. Vi faras kompromisojn al la Vivo por.. por...

*HUGO :* Ne serĉu la ĝustan esprimon. Malfacile ĝin trovas tiu, kiu neniam amis, sed ĉiam estis amata.. Vi kaj mia edzino estas egale egoistaj kaj pro tio vi kune neniam povis renkonti harmonion. Mia edzino kaj mi ... Nu, kion diri ?... Kial vi rigardas min tiel konsternite?

*MAKS :* Ne konsternite, nur mire. Mi konfesas, ke via parolo al mi ŝajnas iomete trafa.

*HUGO (sincere) :* Mi ĝojas, ke fine mi sukcesis trovi la vojon al la homo. Mi estos danka. Mi pruvos al



Beciĉ

*En la pentrejo*

vi, ke la rozo, perdita de vi, estis destinata al miaj zorgoj kaj ne al zorgoj de iu alia. Ĝiaj dornoj ne vundas min, ĉar mi donas ĉion, kion la vivo de la rozo postulas.

*MAKS*: Mi ne komprenas vin. Tro metafore vi esprimis vian penson.

*HUGO*: Metafore?... Hm, pardonu, kion signifas la vorto?

*MAKS*: Bilde, bildece...

*HUGO*: Ah, jes! Pardonu, sed mi memoris pri mia patrino kaj... Nu, tion mi rakontos al vi. Estas necese, ke mi parolu pri ŝi, ĉar tiamaniere vi komprenos pli facile min kaj mian karakteron.

*MAKS (interesiĝante)*: Bonvolu do!

*HUGO*: Mia patrino estis simpla vilaĝanino, gaja kaj bonkora. Iun tagon ŝi trovis infanon, bone vinditan ĉe sia sojlo. Ŝi rigardis jen al sia edzo, jen al la fremda infano. Kion fari? Senvorte ŝi akceptis la devon de la prizorgoj kaj neniam ŝi demandis, al kiu la infano similas.

*MAKS*: Mi komprenas. La infano estis vi. Ĉu?

*HUGO*: Ne! Mia frato aŭ duonfrato, se tiel pli plaĉas al vi. Tiutempe mia patrino estis apenaŭ kelksemajna edzino. Ŝi tre amis mian patron kaj amis nin, knabojn, egale. Se unu el ni meritis vangofrapon, ni ambaŭ ricevis ĝin. Se unu lernis malpli diligente ol la alia, ni ambaŭ egale sentis ŝian patrinan severecon: unu pro troa ambicio, la alia pro mallaboremo. Nu, tia ŝi estis. La komunaj riproĉoj kaj karesoj faris nin veraj fratoj.

*MAKS (mallaŭte)*: Mi komprenas.

*HUGO*: Sed ne ĉion... Mia patrino pasie ŝatis siajn florojn. De frua printempo ĝis prujna aŭtuno ŝi zorgis pri sia ĝardeneto. Ŝi havis la plej belajn laŭsezonajn florojn en la vilaĝo... Foje inter la aĉetitaj florsemoj troviĝis semo de nekonata floro. Tiu floro — laŭ ŝia rakonto — estis eksterordinare bela. Mia patrino tre fieris pri ĝi. Sed ŝi ne nur fieradis. De najbaro al najbaro ŝi kuris kaj ĉiun fremdulon ŝi alparolis por demandi kio estas la nomo de la floro kaj kian flegadon ĝi bezonas. Ŝi malzorgis siajn bedojn, nur pri tiu sola, fremda, eble eĉ ekzotika floro ŝi havis konstantajn zorgojn. Tamen la ordinaraj floroj ne aspektis orfaj. Pri ili zorgis la naturo mem. Sed tiu fremda floro donis multe da klopodoj. Jen ĝi bezonis apartan ujon, jen specialan teron, jen pli da varmo, jen pli da akvo kaj mia patrino faris ĉion por konservi ĝin en plena pompo.

*MAKS*: Tre interese! Kaj ĉu ŝi sukcesis?

*HUGO*: Jes. La floro abunde burĝonis... Nu, mi estas la filo de tiu simpla vilaĝanino. En la urbo same simpla, nemultsignifa mi estas kiel ŝi estis en sia vilaĝo. Ŝi estis unu el la virinoj kaj mi unu el la plej grizaj oficistoj.

*MAKS*: Jes. Mi scias.

*HUGO*: Oficisto ĉe la Ŝtata Saladministrejo... Sajnas al mi, ke la sorto volis favori mian modestecon. Ĝi plantis ekzotikan floron en mian vivĝardenon. La eksterordinara beleco de la floro surprizis min kaj mi sentas, ke ĝi ne tre konvenas al la simplaj floroj de mia vilaĝa bedo. Sed mi ŝatas ĝin, mi fieras pri ĝi kaj klopodas fari ĉion por ne malhelpi ĝian pompan evoluon. La hazardodonita floro estas kaprica. Ĝi bezonas varmon, liberan aeron, multe da vartado kaj mi fieras, ke ĝi pompas en mia ĝardeno.

*MAKS (post paŭzeto)*: Mi komprenas... La hazardodonita ekzotika floro... Sincere dirante, mi ne pensis vin tiel poetoanima.

*HUGO*: Ĉu poetoanima? *(Li ekridas)* Bone, ke mia edzino ne aŭdis vin. Ŝi mokus min pro tio. Nu, poetoanima mi ne estas, sed — mi diris ja al vi — la Amo ne apartenas al la Vivo. En la Amo ĉio estas bela, bona kaj facila.

*MAKS (penseme)*: Kaj diru, ĉu vi kredas pri la sukceso?

## Amnokto

### Anton Wildgans †

*Jen estis nokt' unika, sen ripet' —*
*Ĉu vi ĉambreton nian jam forgesis?*
*Ekstere milde helis la stratet',*
*Lunbrilo majmona'a ĝin karesis,*
*Ondadis la kurtenoj en kviet',*
*Per lum' surŝuti ilin lun' ne ĉesis,*
*Kaj de l' ĝardenoj freŝa bonodoro*
*Fluis nun supren en ĉi nokta horo.*

*Unuafoje tiam trovis nin*
*Ni solaj dum printempa nokto tia,*
*En la pokaloj altaj ŝaŭmis vin',*
*Kaj sangis la oranĝ' pro vundo sia,*
*Kandela lumo plenis je intim',*
*Malofte nur de l' buŝoj vorto ia*
*Ekglitis kaj ekfalis ĝis korfundo,*
*Sorĉante tie florojn en abundo.*

*Kaj tiam — nun mi ne memoras plu,*
*Vi vin hezite defendadi penis,*
*Kolektis hontorozojn mi kun ĝu',*
*Kaj vin per la plej arda pet' ekĝenis.*
*Mi scias nur: vin donis vi sen bru',*
*Kaj tiam ni, por dormo benoriĉa*
*Ekkuŝis brust' ĉe brust' kun sent' feliĉa.*

*Ho, ne por longe! — Ree la sopir'*
*Per nova fort' en nia kor' ekflamis,*
*Kaj time demandadis ni, sen spir':*
*»Ĉu vi do efektive min ekamis?«*
*Vipate la ĉevalo de l' dezir'*
*Fajran senbridon de l' pasi' aklamis,*
*Kaj dum ĝi furioze reekkuris,*
*Ardis la lipoj, la palpebroj brulis.*

*Kaj tiam venis ĝene la maten',*
*De griza man' fantoma altrenite,*
*Kaj forviŝiĝis ĉia nun solen'*
*Kaj aliiĝis la ĉambret' subite.*
*Sur niaj vortoj pezis ia prem',*
*La kor' silentis kvazaŭ konsternite*
*La sentoj lacaj, la vunditaj nervoj*
*Tro atentemaj iĝis por observo.*

*Malordigita estis tablotuk',*
*En la pokaloj al'aj vino restis,*
*El fruktoj velkaj jam elfluis suk',*
*Surplanke floroj disĵetitaj estis —*
*Odoris putre je dolĉeca muk'*
*Kaj ĉio pri malbel' grimac-atestis —*
*Mi ne memoras, kiel post ĉi horoj*
*Retrovis sian amon niaj koroj.*

El la germana: *Hilda Dresen.*

---

*HUGO (longe rigardas al Maks kaj iom hezite)*: Jam antaŭe mi petas vian pardonon. Per mia malierta komparo mi ne deziras ofendi vin aŭ iun, kiu staras proksime al vi... Sed nun parolas du homoj kaj ne du viroj. Ĉu?

*MAKS (kapjesas)*: Parolu senĝene!

*HUGO*: Mi konas similan ekzotikan floron en fremda ĝardeno. Mi ne havas la honoron koni la ĝardenistinon, sed mi konas la floron, kies vivo bezonas varian atmosferon, multe da sunvarmo kaj tre tre multe da pacienco por konservi ĝian vivon kaj pompon.

MAKS (*tre mallaŭte*): Mi komprenas la aludon.
HUGO (*pli kuraĝe*): Sen tiu ĝardenistino vi, sinjoro, formortus dum kelkaj semajnoj... Ankaŭ mia floro ne povus vivi sen tiu varmo, kiun mi donas al ĝi... Certe via ĝardenistino same sentas kiel mi, kvankam ŝi ne diras, ke la Amo ne apartenas al la malbela Vivo. Ankaŭ ŝi, eble dolore, fieras pri sia prizorgata floro.
MAKS (*kortuŝite, sed abrupte*): Sinjoro, mi venis ĉi tien por... por...
HUGO (*tre simple*): Ni ne parolu pri tio. Vi venis kaj vi foriros. Nenio okazis. Du homoj konatiĝis unu kun la alia. Nenio pli.
MAKS (*subite leviĝas*): Vi estas prava. Mi tre estimas vin... Senkulpigu min pro mia subita foriro ĉe via edzino, sed mi devas tre tre rapidi al la kunveno de la Ekspozicia Komitato... (*Li ekiras al la pordo*) Ah, jes! Preskaŭ mi forgesis. (*Li elpoŝiĝas la honoran bileton.*) Bonvolu transdoni tiun bileton al via edzino por la morgaŭa malfermo de la Moderna Galerio menciante, ke la titolo de mia pentrajo estas: »Bovinoj en aŭtuna nebulo«. Ne forgesu!
HUGO (*tre dankeme*): Ne, ne! Mi ne forgesos. »Bovinoj en aŭtuna nebulo« Koran dankon. Certe ŝi tre ĝojos. Ĉiam ŝi havas grandan simpation al la dombestoj.
MAKS (*kun ekflamanta ironio*): Mi ne dubas pri tio... Sinjoro, mi havis la honoron. (*Li ĝentile klinas sin kaj forrapidas.*)
HUGO (*postkurante lin*): Permesu, ke mi akompanu vin ĝis la pordo. La seruro de nia kolombejo estas iom komplika. (*Li foriras*)
(*La scenejo restas malplena dum momentoj. La staranta horloĝo batas la kvinan horon.*)

## Sesa sceno

*ZAZA, poste HUGO*

ZAZA (*aperas ĉe la pordo de la dormoĉambro. Li silento kaj la malpleneco de la ĉambro surprizas ŝin. Piedpinte ŝi iras al la pordo de la kuirejo, subaŭskultas. En tiu momento Hugo ekstere ekfajfas la melodion de Toreadoro el la opero »Carmen«*): Strange, li fajfas. (*Ŝi ekiras al la tablo, sur kiu ŝi rimarkas la postlasitan bileton. Ŝia mieno ekvigliĝas. Longe ŝi rigardas antaŭ sin.*) Freneze kaj tamen... (*Ekĝemo*) Ho, Maks! (*Subite ŝi rekonsciiĝas, la bileton ŝi metas sur la tablon kaj ŝanceliĝe ekiras al la kuirejo. Ĉe la pordo ŝi haltas kaj iom hezite, mallaŭte vokas sian edzon.*) Hugo... (*Iom pli laŭte*) Hugo kara!... Tiel forte li fajfas, ke li ne aŭdas. (*Pli laŭte*) Huuuugo!
HUGO (*ekstere*): Jes?... Ĉu la bebo...?
ZAZA: Ŝi dormas... Hugo!
HUGO (*ekstere*): Tuj, mia kara! Jus mi metis la lakton sur la Primus-aparaton. Jam estas la kvina.
ZAZA (*langvore*): Komprenel le, la lakton... Estas ja la kvina. Preskaŭ mi forgesis. (*Irante al la sofo ŝi denove prenas la bileton. Pala rideto flirtas ĉe ŝiaj lipoj*) La venĝo prokrastiĝis do ĝis morgaŭ... Egale! Por mi egale!
HUGO (*ekstere*): Tuj, kara mia! Tuj!
ZAZA (*remetas la bileton sur la tablon kaj iras al la sofo, eksidas*)
HUGO (*venas kun blanka antaŭtuko ĉirkaŭ sia talio*): Ĉu vi estas laca?
ZAZA (*distrite*): Ĉu laca? Jes. Mi estas laca... Ĉu li... ĉu li foriris?
HUGO: Jes, li foriris. (*Kun vigla tono*) Do, la bebo dormas. La etulino satiĝis kaj ekdormis. Nu, ankaŭ la panjo ricevos sian kafon kaj poste ŝi povos ripozi laŭ sia plaĉo.
ZAZA: Jes, ripozi laŭ mia plaĉo... Ĉu morgaŭ, morgaŭ li revenos?
HUGO: Mi ne pensas tion. Simple li foriris.
ZAZA: Li foriris... Pri kio li parolis?
HUGO: Ni babiladis iomete.
ZAZA (*torturate de la mallongaj frazoj de Hugo*): Pro Dio, Hugo, parolu! Kial vi ŝparas la vortojn? Kion li diris?
HUGO: Li petis min senkulpigi lin pro la subita foriro.
ZAZA (*iom hezite kaj tirante la vortojn*): Kaj ion alian... Ĉu?
HUGO: Vere, nenion interesan.
ZAZA (*montrante al la tablo*): Kaj tiu... tiu bileto sur la tablo?!
HUGO (*iom troige*): Nu, vidu, preskaŭ mi forgesis. Honorbileto por ni ambaŭ por la morgaŭa malfermo de la Moderna Galerio. Li invitis nin por montri al ni sian novan pentrajon.
ZAZA (*reveme*): Do tamen...
HUGO (*ŝerceme*): Ĉu vi eĉ ne ĝojas? Vi ŝatas ja tiajn kulturkomediojn.
ZAZA: Hugo, mi ne iros tien... Mi ne volas, mi ne



Babiĉ — Marbordo

povas... Mi estas tiel timema... Mi ne scias pro kio?

*HUGO (ridetante):* De kiam vi timas la dombestojn?

*ZAZA (ekatentas):* Dombestojn?! Mi ne komprenas vin.

*HUGO (iom ruze):* Ho, jes, mi tute forgesis mencii al vi la titolon de lia ekspoziciota bildo. »Bovinoj en aŭtuna nebulo«.

*ZAZA (preskaŭ krie):* Kio?... Kion vi diras?

*HUGO:* »BO-VI-NOJ EN AU-TU-NA NE-BU-LO«.

*ZAZA (seniluziigite klinas sian kapon)*

*HUGO:* Sincere dirante, mi ne komprenas, kiamaniere oni povas vidi la bovinojn en nebulo. Entute, diru al mi, kial estas la bovinoj pli interesaj en nebulo ol en sunbrilo?... Sed egale! Ni rigardos tiujn bovinojn.

*ZAZA (seniluziigite):* Bonivoj en aŭtuna nebulo... *(Amare ŝi ekridas)* Bovinoj!... Nur bovinoj!! Hahaha!

*HUGO (volas foriri):* Pardonu, kara, sed la lakto estas sur la »Primus«-o kaj...

*ZAZA (senbride ridas):* Bovinoj en aŭtuna nebulo! Hugo, ni nepre devas rigardi tiujn bovinojn. Hahaha!!

*HUGO:* Mi antaŭsciis, ke vi ĝojos. Eĉ mi menciis al li, ke vi ŝatas la dombestojn.

*ZAZA:* Kaj kion li respondis?

*HUGO (imitante lin):* Mi ne dubas pri tio... Ŝajnas al mi, ke li ŝatas tiun esprimon... Sed nun la lakto...

*ZAZA:* Nu, bone. Iru!

*HUGO (dum foriro):* La kafon laŭkutime, ĉu ne, kara?! Multe da lakto, malmulte da kafo kaj kvar sukeroj... *(Li foriras).*

*ZAZA (iras al la tablo, prenas la bileton, ridetante turnas ĝin inter la fingroj, poste kun subita ekflamiĝo dispecigas ĝin):* Ho, la malkuraĝulo!

*HUGO (revenas kun taso da kafo, kiun li metas sur la tablon):* Jen la via! Kun kvar sukeroj... Atentu! Ĝi estas varmega. *(Li forkuras)*

*ZAZA (eksidas al la tablo kaj kirlas la kafon):* La ĝis-tomba amo naskis bovinojn en aŭtuna nebulo... Ho, kiel mi malamas lin!... Kiel... kiel... *(En ŝiaj okuloj aperas larmoj)*

*HUGO (revenas kun sia taso, kiun li metas sur la tablon kaj poste li eksidas kontraŭ Zaza):* La bebo dormas kaj paĉjo, panjo kaftrinkas... Vere ni vivas kiel la kolomboj... Ĉu, Zaza?!

*ZAZA (ripete):* Jes, kiel la kolomboj.

*HUGO (tre fervore):* Ĉu vi scias, ke mi decidis aĉeti Literaturan Enciklopedion? Mi lernos la titolojn de la klasikaj verkoj... Espereble vi estos kontenta pri mi. Ĉu? *(Li rimarkas ŝiajn larmojn)* Nu, kio okazis al vi? Ĉu pro la varmega kafo? Mi ja avertis vin, kara.

*ZAZA (erupcie):* Ho, kiel abomeninde! Kiel naŭzas min...

*HUGO:* Ĉu la kafo...?

*ZAZA (amare):* Jes, Hugo, la kafo... La kafo kun kvar sukeroj.

*HUGO (embarasite):* Sed, kara, mi ja demandis vin.

*ZAZA (nerve, plorvoĉe):* Jes, vi demandis min, Hugo. Vi estas tre bona, Hugo. Vi ĉiam demandas aŭ silentas, Hugo. Foje provu ne demandi, sed nur paroli, paroli kaj paroli. Egale pri kio, sed parolu!

*HUGO (post paŭzeto iom malgaje, sed tre simple):* Mi ne scipovas. Kelkfoje mi provis, sed... sed ĉiam mankas la vortoj. Mi estas nek poeto, nek artisto. Mi estas nur simpla oficisteto ĉe la Ŝtata Saladministrejo kaj... kaj... sed ne ridu pri mi!... mi pensas, ke la vera amo povas nur silenti aŭ demandi. Jes, demandi ofte eĉ senvorte.

*ZAZA (longe rigardas lin, kortuŝiĝas kaj puŝate de interna devigo ŝi ekkaŭras al liaj piedoj, flate ekkaresas lian manon, ripozantan sur lia genuo):* Hugo!... Hugo kara!... Pardonu mian kaprican humoron... Mi estas laca. Ho, kiel laca! La oficejo, la hejmaj zorgoj, la bebo kaj tiu ĉi vizito...

*HUGO (tre kompreneme):* Jes, tiu ĉi vizito... Nu, sed ĝi pasis.

## Senmia mi

**– F. Szilágyi –**

*Mi tenas min en mia mano,*
*Ekiras palpe, subservute,*
*La sanktan ŝarĝon mi ĉe l' pramo*
*Nebula donas al vi mute.*

*Returne! Nokt' min kovras tute,*
*De fore krias fat-imamo,*
*Mi paŝas sen mi, blinde, mute*
*— Returne — kun palpanta mano.*

## Epitafo

**– F. Szilágyi –**

*Mi ridegis plormiene*
*Kaj mi ploris ŝerce.*
*Maskon montris mi nur; tamen*
*Mi konfesis verse.*

*ZAZA (flate, preskaŭ pente):* Jes, ĝi pasis, ĉio pasis kaj Hugo, ĉu vi scias, ke tio, kion vi diris pri la amo, estis bele dirata... Neniam vi esprimis vin tiel bele... Kredu al mi, Hugo, ni vivos feliĉe kiel la kolomboj.

*HUGO (karesante ŝiajn harojn):* Ne kiel la kolomboj, Zaza, sed kiel la ĝardenisto kaj lia ekzotika floro.

*ZAZA (iom mire levas la kapon kaj kun ĝojtremo en la voĉo):* Hugo, Hugo kara, ĉu vi parolas pri la Ĝardenisto de Rabidranath Tagore?

*HUGO (tre simple kaj varme):* Mi ne konas tiujn sinjorojn, Zaza... Mi parolas nur pri tiu simpla ĝardenisto, kiu ĉiutage je la kvina horo alportas tason da kafo al sia edzineto, al sia amata floro kaj forpelas el sia ĝardeno la bovinojn, erarvagantajn en la aŭtuna nebulo.

*ZAZA (kun sincera miro kaj ĉiam pliiĝanta entuziasmo):* Hugo, do vi... vi forpelis lin. Ĉu?... Hugo!... Hugo kara, vi batalis pro mi kaj vi devigis lin retiriĝi. Ĉu?... Hugo, vi ne povas prezenti al vi kion mi sentas nun... Hugo, kion, kion mi faru?

*(Ekstera infanploro)*

*HUGO (volas leviĝi por iri al la dormoĉambro):* La bebo ploras.

*ZAZA (salte leviĝas, retenas lin kaj ŝi mem kuras vigle al la pordo):* Ne, ne! Restu, kara! Vi povas esti tre laca. Dum la tuta posttagmezo vi serpentumadis sur la pargeto... Nun ripozu, kara! Fumu unu cigaredon! Tuj mi revenos. *(Ĉe la pordo)* Hugo, rigardu! *(Ŝi jetas kison per mangesto.)* Tuj mi revenos. *(Ŝi foriras)*

*HUGO (restas sola. Ame rigardas al la dormoĉambro. Post momento trinkas sian kafon kaj kun bonkora rideto rulfaras cigaredon, ekfumas):* Nun, se mi estus riĉa, mi certe aĉetus tiujn bovinojn en la aŭtuna nebulo. *(Ekstere infanploro)* Verŝajne ŝia ventreto. *(Krie al la ĉambro)* ZAZA!... Zaza kara!!!

*ZAZA (ekstere):* Kion, kara?

*HUGO (iras al la pordo, malfermas ĝin kaj parolas al la alia ĉambro):* Utile estas iom masaĝi. Kompreneble, delikate kaj per vaselino... De maldekstre dekstren... de maldekstre dekstren... konstante... jes, tiel, tiel... ĝis la doloro malaperos... Nur delikate kaj per vaselino...

*(Kurteno)*

# Fligelman

— H. D. Nomberg —

Kiu kaj kio estas Fligelman kaj pri liaj konatuloj. Fligelman estas juna homo havanta la aĝon de 3o jaroj, malgranda, iom ĝibeta, posedas grandan kaj kurban frunton kaj malgrandan blondan barbeton. La okuloj kvazaŭ plenaj je vaporo, ŝajnas ke oni devas ilin superviŝi per tuketo, por ke ili hele brilu.

Ofte irante malrapide tra la brua strato por doni lecionon, kliniĝinta, lokinta la manojn en la poŝojn, li pensas, ke en la mondo vivis multaj grandaj homoj: Budho, Spinoza, Kant kaj multaj aliaj kaj li, filo de la kuniva ŝameso konas iliajn filozofiajn sistemojn bonege kaj povas ripeti ĉion, kion li ĉe ili legis vorton post vorto.

Kiam la vetero estas bela, la fiakroj ne ekkrakas je liaj oreloj kaj oni ne devas rapidi al la lecionoj, tiam li pensas kun ĝojo, ke efektive ĉiuj filozofoj ne estis tro saĝaj, ĉiu fermiĝis en sia anguleto, divenadis, tamen iom nur divenis kaj li, Fligelman scias pri ĉio, kion ili kreis, li scias ankaŭ, ke la kvintesenco estas la vivo, jes, la vivo mem.

Kaj pri sia vivo Fligelman estis tre kontenta. La unuajn kvin jarojn en Varsovio li pasigis malbone, sed tiam li estis homo sen firmaj konvinkoj, sen intuicio kaj pri tiu vivo Fligelman ne volonte pensas. De post ok jaroj li sin aranĝis pli bone, akiris bonajn leciono-okupojn, komencante vivi trankvile, laŭ decidaj principoj apartigite de la mondo, sola en sia ĉambreto de kvina etaĝo.

La lito en la ĉambro estas ĉiam ordigita laŭ propra maniero. La servistinon li ne trouzas, estante konvinka kontraŭulo de ĉia sklaveco. Se oni devas lavi la plankon, kion li cetere mem ne povas plenumi, li riproĉas al si, ke li faras kompromisojn, konvinkiĝinte, ke al honesta homo estas maleble nun vivi en la mondo.

Konatulojn li havas multajn, sed da proksimuloj tre malmulte. En la mondo de liaj konatuloj-junuloj oni lin rigardas tre klera homo, filozofo kaj estetikisto, sed paroli pri li, tion malmulte oni faras. Eĉ dum monkolekto oni pri li forgesas, nur escepte, kiam oni bezonas monon por ia grava celo, oni rememoras pri li. Tiam iu sin turnas:

— Pri Fligelman ni tute forgesis!

— Jes! — la alia diras kaj ĉiuj miras, ke Fligelman ĝis nun ne venis al ili en la kapon.

Kiam oni venas al li, Fligelman regalas ĉiujn per teo, demandas pri ĉiuj konatoj, donas monon, sed disputi li ne ŝatas, li evitas pli intiman dialogon, por ne tuŝi — kiel li esprimas — sian mondkoncepton. La konato foriras de li kontente, poste li rakontas al ĉiuj kamaradoj, kaj ĉiuj tre laŭdas Fligelmanon kaj ree forgesas pri li kelkan tempon.

Pli proksime al li estas Levantkovski, instruisto-familiestro, havanta ses geinfanojn estante samtempe malriĉulo, sed ĉiam gaja. Ili konatiĝis en librovendejo. Levantkovski havas pasion por libroj. Kiam nur aperas nova libro, kaj li ne havas la eblon ĝin tuj aceti, li tre ĉagreniĝas, denerviĝas kaj sidante ĉe Fligelman, li — pro aflikto — ne volas trinki la teon. Fligelman pruntas al li tre ofte monon, poste havante pri tio ĉagrenon, ĉar la edzino de Levantkovski riproĉas lin pro la pruntedono.

Kun Levantkovski Fligelman estas malkaŝema, parolas kun li ofte pri si mem.

— La poetoj pensas, ke sole ili sentas la belecon de la naturo. Mensogo. La diferenco konsistas nur en tio, ke ili kapablas la senton eligi poetforme, kaj mi



Beciĉ — *Pejzaĝo en Bosnio.*

tion ne povas: mi per tio ne okupiĝas. Ekzemple: mi pagas unu rublon pli multe por mia ĉambro, nur pro tio, ĉar nokte la luno enlumas ĝin. Mi estas malkaŝema homo, mi rezervis al mi ĉe la mastrino, ke mi pagas je unu rublo pli kare nur pro tio, ke en la ĉambro estas la luno. Vi scias, Levantkovski, la popolamaso estas tre malklera. Imagu al vi, mia mastrino mokis, kiam mi ŝin demandis, ĉu nokte la luno enlumas la ĉambron kaj ŝi — komprenu — estas konvinkita, ke mi estas malsaĝa... koncize mi diras al vi, Levantkovski, ke al honesta kaj saĝa homo estas tre malfacile vivi en la mondo. Jes!

Fligelman parolas ruse, Levantkovski ne komprenas la malfacilajn vortojn, sed li konfesas tion kaj voĉlegas por li versaĵon pri la naturo.

— Taŭga poeziaĵo — asertas Fligelman, vi nur devus posedi pli profundan filozofian rigardon. Ekzemple vi diras: »kiel bela estas la naturo sur ĉiu monto kaj monteto«. Efektive poeto sentas, ke la monto, la ĉielo, la tero kaj la tuta naturo estas la samo, kio mi mem...

— Kion signifas? — demandas Levantkovski kaj lia vizaĝo fariĝas plor-serioza, en la malferma buŝo oni vidas du longajn vicojn de dentoj kaj lia mano tremas en la aero.

— Estas tiel. Mi ekzemple tion tre bone sentas. Okazas tre ofte, mi sentas, ke mi, la ĉielo, la luno estas unu, unu absoluto — komprenu — nur en diversaj formoj...

— Nu, en diversaj formoj! tion mi ja dekomence diris, do, en ordo, kion vi volas? — Levantkovski movegas tiel la manon, ke Fligelman malkuraĝiĝas: li malŝatas, se oni ekbolas dum la parolado.

— Jes, la poeziaĵo estas bona, — li diras — ni parolos ankoraŭ pri tio, bonan nokton.

Iafoje, kiam li eliras, lin sekvas la edzino de Levantkovski, virino flaveta, kun enfalintaj mamoj kaj ŝi haltigas lin:

— Sinjoro Fligelman, eble vi povas pruntedoni 50 kopekojn?

Fligelman pruntedonas, haltas poste por kelkaj momentoj en la koridoro, ĉar baldaŭ aŭdiĝas kriojde la edzo kaj edzino. Levantkovski volas 15 kopekojn por aĉeti tabakon, la edzino ne volas doni, Levantkovski insistas motivante, ke se ne estus li, Fligelman ne pruntus al ŝi. La edzino respondas:

— Vi ne indas kun li eĉ paroli!

Levantkovski eksilentas, oni aŭdas nur la paŝojn, kiujn li faras tra la ĉambro, Fligelman tiam ridetas kontente ĝis li hejmenvenas kaj komencas legi.

Li legas tre malrapide ĉiam sidante en la sama pozo kaj kun la sama serioza kaj trankvila aspekto de la vizaĝo. Kiam li trafas lokon atentindan, li iom haltas kaj relegas la tekston malfacilan, ĝis li scias ĝin parkere, ektiras la vangharojn kaj daŭrigas legi plu kaj ŝajnas, kvazaŭ lia cerbo neniam laciĝus engluti la paĝetojn, simile, kiel la pulmoj la aeron. Pasas iom da tempo, li elpoŝigas la horloĝeton kaj se jam estas la 11-a nokte, li fermas la libron, ektiras ankoraŭfoje la lipharojn kaj sur lia vizaĝo evidentiĝas ia dolĉeco.

Se la luno vidiĝas sur la ĉielo tra la fenestro, li estingas la lampon, proksimigas la seĝon al la fenestro rigardante al la luno. Li ekfumas cigaredon, eligas la fumon tre malrapide. La fumo etendiĝas en la blua aero kaj en la nebulo naĝas la luno malrapide, pie kaj serioze... li kantas dumtempe malnovan ĥasidan kanzonon kiun li iam estis aŭdinta kaj kiu estas la unika melodio, kiun li sukcesis memori. Nebulo etendiĝas, la malhela ĉielo altiĝas kun la luno, Fligelman ĉe tio tenas la kapon alten, longe rigardas kaj sentas, ke li, la ĉielo, la luno, la tuta mondo estas unu tuto, unu absoluto diversforma, kaj ke la universo estas ĉio.

Kuŝante poste sur la liteto, li ekdormas kun la penso, ke la plej honesta kaj saĝa vivo estas samtempe ankaŭ la plej bona kaj bela, ke lia vivo estas riĉa ankaŭ je poezio.

Tia homo estas Fligelman. *(Daŭrigota)*

---

# Esperanto en la PEN-klubo

Dum la Budapeŝta kongreso de la Pen-klubo nia eminenta samideano Fr. KARINTHY faris paroladon por Esperanto. Laŭ nia scio ĉi tio nun okazis unuafoje dum oficiala kunsido de la Pen-klubo. Danke por la pledo, kuraĝa en tiu rondo, kie la opinioj pri Esperanto estas ofte malfavoraj, eĉ malŝataj, ni publikas tie ĉi lian paroladon.

»Sinjorinoj kaj sinjoroj,

mallonge mi parolos, kaj mi ja povas. Mi ne devas multe klarigi. Pri tia afero mi parolas, kies signifon ni ĉiuj konas. Per bildo mi parolas al la imago, per argumento al la intelekto.

La bildo ĉi tie bruas antaŭ vi — en la tagoj de la tonfilmo eble ne plu estas bildkonfuzo, se mi parolas pri brua bildo. Jen ni estas, verkistoj, en la konstitucia kunsido de la Imperio de l' Homa Voĉo, — animaj subuloj de tia lando, kies civitanojn kunligas fadenoj pli striktaj ol ĉiu komunumo: la religia kredo en la potenco de l' homa voĉo.

Ni preĝas lla saman Dion: la Dion de l' Vorto, tiun, kiu komprenas la homon pli ol la homo. Jen kio nin kunligas — la bildo kaj intelekto sin kaŝantaj post la vorto. Samas por ni viro kaj virino, pli konataj ni estas reciproke ol gefratoj, en la kredo de la flugila vorto kaj tamen, kvazaŭ envia kaj ludema spirito incitas nin petole: nia lango lamiĝas kaj ofte ektiminte ni gestadas per la manoj, kiel la sovaĝuloj, ni, verkistoj kaj poetoj, la gardantoj kaj pastroj de la dekmil-jara homa kulturo.

La turo de Babilono ankoraŭ ne konstruiĝis, sed la ruiniĝintaj muroj falis inter nin. Hieraŭ mi parolis kun delikata pola poeto: ne komprenante la lingvon unu de la alia ni balbutis per la patra lingvo de tria nacio kaj je la fino per unufojo ni trovis la saman metaforon: ni ambaŭ sentas, kvazaŭ starus muro inter ni, tra kiu nur la plej kruda krio atingas niajn orelojn — kaj la delikata, la vera, la individua, la arta, la plej grava: perdiĝas.

Vi respondas: ni lernu lingvojn. Jes ja — sed kiom? La reprezentantoj de kvardek lingvoj kunvenis ĉi tie. Ĉiu parolas vere nur *unu* lingvon — tiun, kies artisto li estas; en la ceteraj li povas esti nur fuŝisto. La vivo estas mallonga — se ĉiun el ili ni volas ellerni, plej bonokaze ni fariĝos Mezzofanti kaj jen ni staras ĉe la vespero de nia vivo antaŭ la granda demando, en kiu lingvo ni do diru nun la *unuan* frazon, per kiu ni volis *komenci* la verkon de nia vivo.

Vi jam scias, pri kio mi volas paroli.

Du lingvojn bezonas la homa parolo: unu por la nacio, familio, arto, do por la *esprimo*, kaj alian por la servo de la komuno, homaro, mondo, do por la *komunikiĝo!*

Ĉi lasta ne povas esti la lingvo de vivanta nacio, kiom ajn klopodas ĉiu nacio disvastigi la sian. La nacio



# KINO

Redaktas: Jean Forge-Fethke

## ANTAŬ LA XXIV-A

En tiu ĉi loko de nia revuo ni jam plurfoje parolis pri la temo Esperanto kaj Filmo kaj esploris la diversajn eb'ecojn kaj ŝancojn, kiujn Esperanto povus havi ĉe la filmistoj. Estas nun plej urĝa tempo ke la oficialaj organizajoj de la Esperanto-movado okupu sin pri la filmafero — afero tiel grava kaj aktuala, ke ni devas ĝin meti ĉiam denove sur la tagordon de niaj kongresoj.

Se oni trafoliumas la fakan filmgazetaron, oni konstatas, ke la problemo de la diverslingveco en la parolanta kaj sonanta filmo ankoraŭ ne estas solvita — kontraŭe ke regas kaoso en tiu ĉi demando. La filmistoj serĉas febre eliron el tiu ĉi premanta situacio. Nenie oni citas Esperanton nun — kion oni faris tre ofte en la komenco. La Esperantistoj dormas — kaj la filmistoj ne aŭdantaj pri nia movado metis Esperanton jam delonge »ad acta«.

Mi havis lastfoje en Berlino denove okazon paroli kun potencaj filmproduktantoj pri la Esperanto-afero. Ili simple asertis: »Se Esperanto vere estas tiom disvastigita — kiel vi rakontas — ni jam delonge estus aŭdintaj ion pri tio. Kial la Esperantistoj mem ne produktas la unuan pli longan Esperanto-filmon kaj montras al ni la vojon el tiu ĉi lingvo-kaoso?« Alia diris: »Bone, ni faru unu Esperant-lingvan varianton — de kie ni ricevos la Esperante parolantajn geaktorojn, reĝisoron, aŭtoron? Tia varianto kostas multe da mono kaj ni ne povas riski kun novuloj . . .«

La problemo estas vere malfacila. Kiel ekzemplo servu la lasta Jannings-filmo de la Ufa. Ĝi estis montrata kun granda sukceso tra Svedujo en la originala germana varianto. En Polujo nun Jannings subite malaperis de la ekrano. Kial? Ĉar Jannings ne parolas france aŭ angle. Kaj la originalan germanan varianton la polaj kinoposedantoj ne kuraĝas montri. Bojkoto, eĉ atako de tropatriotoj estus la sekvo. Rezulto: oni montras en Polujo la francan varianton de la filmo kun francaj geaktoroj, malmulte konataj. La publiko ŝatanta Jannings ne priatentas la filmon, la aktoro Jannings (same kiel multaj aliaj geaktoroj) simple malaperis. Li fariĝis viktimo de la malfacila lingvo-problemo.

Kiel okulfrapa, kiel evidentega la solvo: Esperanto! La neŭtrala lingvo, nia amata dorlotita Esperanto! Kaj tamen ni, kiuj vidas tiun ĉi solvon tiel klare, tiel precize, ni staras kiel timemaj senkonsilaj buboj, kiel senhelpaj marionetoj kun rigidaj manoj kaj absolute ne scias, kion kaj kie komenci. Kaj ĉar ni nenion faras, ankaŭ nia dorlotita Esperanto restas inter ni en niaj kluboj, kongresetoj, kunvenoj. Ho, priplorinda stato! Priplorinda larmtorente tial, ĉar la plimulto inter ni eĉ ne ekkonis ĝis nun la gravecon de la situacio koncerne tiun ĉi filmdemandon, ne scias kompreni kaj taksi la grandiozajn ŝancojn kaj sekvojn, kiajn Esperanto povas havi en kaj per la filmo! »Esperanton sur la ekranon, en la sonfilmaparatojn, instalitajn en ĉiuj kinoteatroj de la mondo! Esperanton, Esperanton, Esperanton!« ni kriu.

Sed ho ve — niaj krioj ne atingas la iom surdemajn orelojn de la filmpotenculoj, de kiuj ni hundhumile atendas subtenon kaj komprenon por nia dorlotata Esperanto. Ni devas pli laŭte kaj tute energie krii, kriegi. Ni devas fari bruon, skandalon, por ke ni estu aŭdataj en la hodiaŭa bruo de la moderna mondo! Ne sufiĉas nur kelkaj artikoletoj en nia Esperanta gazetaro, okaza diskuto en niaj kluboj aŭ kunvenoj.

Kion fari? Ni ne havas monon, ni ne havas fakulojn, ni ne havas Esperantajn filmaktorojn, ni ne havas Esperantan filmreĝisoron, ni entute ne havas spertojn, ni ne havas kuraĝon, unuvorte: ni havas nenion, ni estas absolutaj malkapabluloj. Finita la afero.

Sed ĉiujare ni havas Universalan Kongreson de Esperanto. Kaj tiu ĉi Kongreso devas diskuti pri la afero. Tiu ĉi Kongreso devas en Parizo finfine ion fari. *Ĝi devas ataki ĉiujn filmproduktantojn de la tuta mondo per rezolucio!* Per manifesto, direktata al ĉiuj filmistoj, fakjurnaloj en ĉiuj landoj, dissendata per la telegrafagentejoj al ĉiuj gazetoj. En tiu ĉi manifesto, en tiu ĉi rezolucio (aŭ kiel ajn ni nomu ĝin), en tiu publika letero la »*Kongreso, la kunvenintoj el 40 nacioj de la mondo, atentigas la filmproduktantojn pri Esperanto, kiu havas plej taŭgajn ecojn por servi kiel internacia lingvo de la filmo! La Kongreso rekomendas al la filmproduktantoj turni sian atenton plej intense al Esperanto kaj konsideri ĝin en la produktado de fremdlingvaj variantoj de siaj filmoj. La Kongreso rekomendas al ĉiuj filmaktoroj okupi sin pri la lernado de tiu facila lingvo, la Kongreso rekomendas . . .*« ktp.

Tiun ĉi manifeston aŭ rezolucion ni devas redakti kiel eble plej sprite kaj imprese en ĉiuj ĉefaj lingvoj kaj dissendi ĝin al ĉiuj gravaj filmfakgazetoj, filmproduktantoj, fakorganizajoj. Certe, ne estas multo, kion ni nun povas fari en Parizo. Certe, kelkaj el vi profetos, ke la rezulto estos nula. Certe, ni ne esperu ke tuj la filmproduktantoj komencos turni Esperantajn filmojn. Sed unuan fojon en la historio de nia movado okazos, ke la filmdirektoroj aŭdos pri nia Kongreso, ke la fakgazetoj komencos diskuti pri tiu ĉi solvo (la plimulto el ili estas al ni tre favora!), ke multaj filmaktoroj ekatentos.

Ĉu la Kongreso en Parizo komprenos, *ke la filmo nun estas la plej aktuala kampo por Esperanto?* Ĉu ni komencos fari la unuan paŝon por atentigi la filmmondon pri nia afero? Ni komencu per tia manifesto, rezolucio, kiu ne kostas multon, sed ni komencu, komencu, komencu finfine! Estas nun la plej urĝa momento!

*Jean Forge*

---

estas ne nur spirita komunumo: sed konkera kaj batalanta unuiĝo de gento kaj ŝtato kaj lando. Parolante fremdan lingvon, memkonscia homo ĉiam sentos, en la profundo de l' animo kaj senscie, ke li estas humiligita — kial ne la *alia* lernis mian lingvon, kial *mi* la lian, certe pro tio, ĉar lia nacio estas pli potenca. Ne postulas lingvoscion de siaj intelektuloj la angla kulturo — sed ĉe ni, hungaroj, oni opinias nekulturita tiun, kiu ne scias almenaŭ tri fremdajn lingvojn.

Nur artefarita lingvo povas esti la alia, la peranta, la komunikanta, la monda lingvo.

Tiu ĉi artefarita lingvo jam naskiĝis, multaj ĝin jam parolas kaj komprenas. Ĝia nomo estas: Esperanto.

Kiel prezidanto de la Hungara Esperanto Societo mi havas proponon en du petoj:

1. Por ekzameni, ke la lingvo Esperanto estas vere la plej taŭga por interkomunikiĝo, ne nur en ordinara, sed en arta senco de la vorto, la Pen-klubo faru esplorojn.

2. Esprimu la Pen-klubo sian protektan simpation al tiu fiksita celo de la Esperanta movado, ke la komerca, diplomatia kaj scienca faklingvo de la mondo estu la lingvo Esperanto.«

(*K. B.*)

# REVUO DE REVUOJ

Antaŭ ol komenci la nunan revuon, mi plezuras dankante pro simpatiantaj gratuloj salutintaj la novan rubrikon. Ni klopodos laŭpove, ke nia legantaro ĝin trovu interesa.

*

Komence ni vidu kelkajn gazetojn, ne priparolitajn lastfoje:

ESPERO KATOLIKA: De januaro ĝi aperas en Hispanio en la vigla redaktado de pastro J. Font Giralt. El literatura vidpunkto nenio interesa. Bona stilo, tamen kelkaj idiotismoj: la uzo de *senti* en la senco de *aŭdi* estas iom stranga. Cetere papero, preso tre bonaj.

L' ESPERANTO: dusemajna, preskaŭ tute itale redaktita, lerta propagandgazeto. Precipe interesa la polemiko de du anglaj verkistoj pri la problemo de la universala helplingvo.

AUSTRIA ESPERANTISTO: Landa propagandgazeto. Estas menciinde, ke ĝi donas sufiĉe vastan lokon por recenzoj. Imitinda ekzemplo por similaj gazetoj, ĉe kiuj la recenzado estas duoninfane prizorgita! (Nu, koncerne la enhavon mi ne povas ĉiam konsenti kun tiuj ĉi kritikoj.)

LINGVO INTERNACIA: (Ateno) Batalema gazeto, eĉ tro batalema ... Sed ĝi estas nepre lerta propagandilo.

ESPERANTO LANDO (USONO): Ĝi nomas sin sendependa diskutejo. Enhavo kvalite malalta.

PARIS ESPERANTO: propagandilo.

LA OKCIDENTULO: La sama por portugala laboristaro.

HISPANA ESPERANTO GAZETO: Ne mankas literaturajoj, sed ili ne multe ĝojigas.

INFORMOJ DE ESPERANTO ASOCIO DE ESTONIO: La inteligentaj kritikoj de Hilda Dresen estas ĉiam interesaj.

LA ESPERANTISTO (TOKIO): Altnivela, preskaŭ tute esperantlingva japana gazeto. Precipe plaĉas al mi la bona Esp-a stilo de J. Ŝimomura.

Jen poemo de Halina Weinstein el la POLA ESPERANTISTO:

*Chopin ekparolis.*

Ĉe piano blindulo hungara eksidis  
Kaj komencis ludi. Ekestis silento.  
Ĉiujn en salono kaptis ia sento  
Kaj profunda kortuŝo. Li tion ne vidis.  
  Melodioj ekfluis el sub fingroj liaj.  
  Aŭdiĝis ĉirkaŭe dolora ĝemspiro,  
  Malĝojo kaj larmoj, plendo kaj sopiro.  
  Ies anim' ekploris kaj melankoliaj  
Tonoj plenigis ĉambron. Ludis la blindulo...  
Aŭdiĝis mazurko, polonez', preludo,  
Lulkanto, sonato, jen ree etudo...  
Ni ĉiuj lin aŭskultis kun larm' en okulo.  
  Ni ĉiuj estis kune, sed li sin izolis  
  Kaj solece vagis en la land' mistera,  
  Akompanis lin ia spirit' supertera.  
  ...Pere de Imre Ungar Chopin ekparolis.

En la sama gazeto mi legis en recenzo pri la libro »Jane Eyre« de Charlotte Bronte la jenan frazon: »Romano verkita de virino antaŭ cent jaroj — kaj nun tradukita en la plej moderna lingvo! — Tio parolas per si mem pri valoro de l' libro.« Jen trafa modelo, se la recenzisto nenion havas por diri kaj tamen volas diri ion grandan!

Kara s-ano Robo, en via recenzo aperinta en la SUDA KRUCO, la heroon de Baghy-novelo anstataŭ hungaro vi menciis kiel ĉeĥon. Kial?

HEROLDO DE ESPERANTO: Ĝi aperas en tiu ĉi jaro en multe pli riĉigita formo. Speciale salutindaj estas la aldonajoj: Lingva Kritiko, Nia revueto, kaj precipe La Strigo, kiu enhavas literaturajojn. Daŭrigita romano: Coronel Ignotus: La amo en la jaro dekmil, tradukita de J. Fernando Berenguer.

LA PRAKTIKO: Eldonajo de la Cseh-instituto. Tre vigle redaktita bona ekzercilo por progresantoj, riĉe ilustrita. Sed kial oni trudas en ĝi *unu*, kiel nedifinan artikolon. Mi lernis en la Fundamento, ke artikolo nedifina ne ekzistas en Esperanto. Kaj *LA PRAKTIKO praktike* instruas la malon, ĉar ĝi skribas: »li alparolis unu pastron«, »oni prezentis al li unu junan poeton«, »foje li riproĉis al unu kortegano«. Ne nur laŭ la Fundamento, sed ankaŭ laŭ la ekzemplo de ĉiuj ĝisnunaj bonaj verkistoj, oni devas skribi: »li alparolis pastron«, oni prezentis al li junan poeton«, »foje li riproĉis korteg-





Hegedušić *Almozuloj*

anon«. Ĉu tiu ĉi sen-unu-eco konfuzas iun, ĉu la frazoj ne estas klaraj, ĉu ili ne estas pli simplaj, pli mallongaj, pli klasikaj, pli Esperantaj? Kial do LA PRAKTIKO ŝanĝas la Fundamenton, ŝanĝas la ĝisnunan bonan stilon? Unu, kiel nedifina artikolo, estas plumpa superfluaĵo. Eĉ la multaj *iu* kaj *ia*, troveblaj en Esperantaj tekstoj, estas superfluaj unu-surogatoj kaj preskaŭ ĉiam forstrekeblaj sen malutilo, eĉ kun nepra gajno. Ilian mankon ĉiu leganto, kiu sentas la guston de la lingvo, trovos eleganta, plaĉa. Ĉar la manko de la nedifina artikolo estas specialaĵo en Esperanto; altrudi *unu* signifus malriĉigi la lingvon, ĝin senigi de interesa idiotismo.

ESPERANTO (UEA): Inter la interesaj literaturaj kaj alispecaj artikoloj de la ĉijaraj numeroj min haltigas artikolo de Liem Tjong Hie (Semarang): batalema, eĉ tre batalema skribaĵo kontraŭ la neologismoj. Vere, ĝin legante oni ektimas, kvazaŭ imagas al si interkontinentan militon: Eŭropo kaj Azio ekmilitas inter si per tankoj, gasoj, flugmaŝinoj, kaj per terura amasbuĉado ili solvas la problemon de la neologaj vortoj. Sinjoro Liem Tjong Hie, por diveni la ŝancojn de la milito, faras eĉ popolnombradon kaj montras ke la Azia armeo alte superas la mizeran DEFGHIR-armeon. Sed — kie marŝos mi? Mi, kiel hungaro, ja ne apartenas al la DEFGHIR-grupo, eĉ, kiel finno-ugron, oni devus min kalkuli al la Azia tendaro. Nu, kiel renegato, mi certe pendos pro mia *liciprefero*. Kaj Sturmer, pro sia *etoso*, pendos apud mi.

Sed, ni parolu serioze, kaj ankaŭ sen kolero (do sen »grandega azeno«, »tute freneza« kaj aliaj »sobrulaj« epitetoj uzataj de sinjoro Liem Tjong Hie.)

Estas tute strange, por ne diri komike, miksi politikon en internan aferon de lingvo. Tio, ke verkistoj sentas iom malvasta la vortaron, tute ne estas esp-a specialaĵo, ĉiu granda nacia verkisto ja estis ankaŭ lingvo-kreanto, ni pensu nur pri Dante kaj Shakespeare. Kaj la esp-a literatura lingvo tute ne estas eĉ tiom evoluinta, kiel estis la itala kaj angla lingvoj en la tempo de tiuj geniuloj. La vortriĉeco estas unu el la apartenaĵoj de verkista genio; lingvo, kiu postulas de siaj verkistoj lingvan malriĉon — neniam havos grandajn verkistojn.

Pro tio ĉiuj verkistoj estas neologismemaj, eĉ se ili ne konfesas tion. Antaŭnelonge en recenzo, mi montris en valora libro tre multajn neologajn vortojn, kvankam la aŭtoro en la antaŭparolo fiere deklaras, ke li evitis vortojn neoficialajn.

Poste, ni rigardu la internaciecon. Tiu DEFGHIR signifas ne nur ke la anoj de tiel multaj nacioj *jam konas* tiun novan vorton, sed ankaŭ, ke en tiel multaj lingvoj *ekzistas* aparta vorto por tiu koncepto, ke anoj de tiel multaj lingvoj *sentas la neceson* de tiu vorto, kaj sekve verŝajne ankaŭ en la anoj de ceteraj lingvoj ekzistas pri ĝi tiu sento de neceso. Kompreneble, propagandisto prefere subpremas tiun senton. Sed verkisto estas kaj ankaŭ devas esti pli pretendema ĉi rilate.

Jes, li devas esti. Ĉar ĝi preparas la literaturan lingvon de la estonteco. Kaj se Esperanto estos la dua lingvo de ĉiu homo, ĝi ja devos esti same riĉa je nuancoj, kiel la naciaj literaturaj lingvoj, alie ĝi ne povos plenumi la taskon de perfekta literatura interpretilo. Tion bone sentis Zamenhof, kiu neniam atakis neologismojn, li nur deziris ilian *iom-post-ioman* enkondukon.

Propagandante inter verkistoj, mi ofte spertis, ke la troa akcentado de la lingva facileco, luda lerneblеco ktp. havis preskaŭ ĉiam malbonan efikon sur ilin. Kaj ilia opinio fariĝis pli favora nur, kiam mi pruvis al ili la eblojn de pliriĉiĝo sur la natura vojo de lingva evoluo.

Ni lasu do la simplan lingvon al la propagandistoj, sed ili, pli paceme ol sinjoro Liem Tjong Hie, lasu al ni la eblojn de riĉiĝo. Kaj se li trovos ekzemple en la Dante-traduko vortojn, kiuj ne estas lerneblaj dum Ĉe-kurso, li ne koleru, ja ankaŭ la originalo enhavas vortojn, kiuj estas nekompreneblaj por itala migranta glaciaĵisto.

Sed se li nepre emas ekmiliti, mi bonvole atentigas lin, ke li dolore spertos renegatecon de neatendita flanko. En libroj lastatempe aperintaj en Japanujo li povas ja trovi ne malmultajn vortojn (ekz. *pojno* kaj similaj), kiuj starigos al li la harojn.

*Ludoviko Totsche*

# D I S K U T O

## Korekto de grava ofendo

(Pri la traduko de Eŭgeno Onegin)

Sinjoro *Leo Belmont*, konata kaj ŝatata pola kaj esp-a poeto kaj tradukanto, kies pola traduko de la »Onegin« de Puŝkin estas nomata kongenia kun la aŭtoro, skribis al ni sub la supra titolo leteron protestan kontraŭ la recenzo aperinta en L. M. pri la traduko de Nekrasov (1931. No. 10.) Krome tradukon de sia poemo, verkita antaŭ multaj jaroj responde al la poemo de la pola poeto Jankovski, kiu tiutempe, kiam la pola kritiko, pro politikaj kaŭzoj, malfavore akceptis lian Puŝkintradukon, honoris lian laboron per entuziasma saluto. Kaj li bonvolis sendi al ni ankaŭ poemon de Nekrasov, adresitan al li responde je lia saluta kaj laŭda letero.

Bedaŭrinde, pro nia malpliiĝinta amplekso, ni povas publikigi nur eltiraĵojn el lia letero kaj la poemon de Nekrasov; pri la ceteraj ni devas rezigni.

Post enkonduko, kiun ni resumis supre, sinjoro Belmont diras:

»Jen pensas mi, ke ankaŭ la traduko de sro Nekrasov prezita estos nur post jaroj, kiel granda ago, riĉiginta la literaturon esperantan. Laŭ mia opinio la temo — granda kaj ŝarĝa tasko de esperantigo de la Puŝkina ĉefverko — estas solvita definitive. Neniu post Nekrasov prenos sur siajn ŝultrojn tiun ĉi malfacilan laboron, ĉar ĝi estos nebezona. Eble la fama, kaj alte de mi prezita Kalocsay tradukis la leteron de Tatjana (bedaŭrinde mi ne legis ĝin), sed alia afero estas traduki peceton kaj alia, doni la tutan poemon en versoj — en ritmo kaj strofo Puŝkina.«

Eksplikante la malfacilecon de la Puŝkina strofo, la multajn tradukklopodojn, ofte faritajn kun la ŝanĝo de formo, ĉar la konservo de formo pruviĝis preskaŭ neebla, li daŭrigas:

»Kaj nun ekzistas nur du plenaj tradukoj de Onegin, kiuj transdonas la tutan gracion, tutan ĉarmon, tutan lertecon de la strofo Onegina, konservante la melodion de la originalo: mia traduko pola, kaj la traduko esp-a de Nekrasov. Prezi sufiĉe laŭ merito la laboron de Nekrasov povas nur simila tradukanto. Kritikistoj, ne konantaj la lingvon de la originalo, ne pensantaj fake pri la karaktero de tiu laboro, ne povas taksi ĉi tiun laboron laŭmerite.«

...»Neeble pruvi ĉi tie la fidelecon de la traduko (mi devus doni studon kun multego da citaĵoj), sed la legantoj bonvolu kredi, ke mi konscience komparis ĝin kun la originalo kaj estis mirigita pri la sameco de ambaŭ, sameco malfacile atingata en tradukoj versaj. Sameco de melodio, fideleco de enhavo, kion vi volas pli? Kritikistoj, verŝajne nekonante la originalon, estis mirigitaj pri la realeco de la poemo, supozante, ke ĝi ne estas poezio, sed Puŝkin en multaj priskriboj estis intence reala: lia poezio estas vereco natura; sed realeco kun muziko versa, kun elektitaj ĉarmaj epitetoj estas speciala Puŝkina poezio. La tradukinto ne donis pli ol Puŝkin kaj ne estis devigita doni pli ol li...«

» ... mi volus korektigi okazan maljustaĵon faritan al sro Nekrasov, esperante, ke mi samtempe montros vojon al estonteco, kiu prezos la neforgeseblan meriton de la esp-a tradukinto de Onegin.

Leo Belmont.«

## Letero al Leo Belmont

— N. V. Nekrasov —

Vi tion skribis antaŭ jaroj, —
Jes, tridek jaroj pasis jam, —
Sed mi nun povas senerare
Ripeti ĉion laŭ la sam'...
Mirinde! Tute samfatala
Kun via vere ideala
Traduko pola de »Eŭgen'«
Fariĝis ankaŭ mia pen'
Traduki ĝin al Esperanto.
Kun nedirebla emoci'
Leteron vian legis mi,
En kiu vi sen ruz', sen vanto,
En tute simpla manier'
Al mi salutis kun sincer'.

Jes, oni min riproĉis ankaŭ,
Ke por »Onegin« vane nur
Mi perdas lastan tempomankon
Je malutila memplezur'.
Anstataŭ tiu ĉi relikva
Malnova klasikaĵ' antikva
Pli bone zorgu mi laŭ pov'
Pri freŝa aktuala nov'.
La nova tempo ja postulas
Aliajn temojn en batal'.
Ne oro sonu nun, sed ŝtal'!
Ja ĉie, ĉie fajroj brulas!
Favori al klasika rim'
Nun estas vere granda krim'!

Mi scias: ili certe pravis,
Sed la eterna harmoni'
De Puŝkin min tiome ravis,
Ke en ŝtelitaj horoj mi
Sidadis antaŭ la romano
Laŭ ebriulo kun rikano
Ĉe vinbotelo en drinkej'...
Kaj min envolvis plej kaj plej
Infekte ĉarmo poezia...
Dum tradukado po silab'
Revplene ŝvebis mia kap'
En mirepoko iluzia —
Kaj mi en tiu reva rond'
Forgesis ĉion en la mond'.

Sed fine estis jam tutpreta
Streĉita mia verv-labor'.
Eliĝis mi el kapto reta
Kaj ebrieco pasis for.
Aperis la volum' el preso
Kaj kia estis la impreso?
Ve, absoluta plenfiask'!
Nudiĝis mond' el falsa mask'.
Sur ĉies mi vizaĝoj vidis
Indiferenton nur en sek'
Kun indulgem' al mia pek'
Kaj iuj eĉ al mi insidis:
Ridet' acida sen diskut'
Kaj malaprobo en konklud'.

Precipe spitis min domaĝe
Kritik' venena sen motiv'
De iuj Stroele kaj Szilághy,
Ĉi du Zoiloj kun naiv'.
Ne pensis mi, ke estus skurĝa
Kritik' el ĉi tendar' etburĝa.
Ne venis ja el mia plum'
Ĉifoje trafa kugl' »dum-dum«
De »propagand' revolucia«.
Mi bakis panon ja kun krust'
Tutplene laŭ ilia gust',
Sed tamen krevis gal'ilia
Kaj per venena sia bor'
Penetris eĉ ĝis mia kor'.

Ĉu vere fuŝis mi la verkon,
La majstroverkon de geni'?
Ĉu vere nur malbonan sterkon
El la poemo faris mi?
Ĉu vere la originalon
Transformis mi en fibanalon?
Ĉu replantiĝis tiu flor'
Sen poezia bonodor'?
Ĉu estas mi fuŝulo nura
Sen iu poezia sent'?
Ĉi tiuj duboj en torent'
Inundis min per ond' terura.
En plej turmenta hezitem'
Mi ekdubegis pri mi mem.

Kaj jen atingis min subite
Amika via epistol' —
Kaj revigliĝis mi spirite
Kaj kuraĝiĝis mia vol'.
Vi, kiu estas rekonita
Aŭtoro vere laŭmerita
De la pollingva verstraduk'
De l' sama verk' en plena suk', —
Nur vi kapablis en amaso
Kompreni min kun trafa sprit'.
Al mi vi skribis sen hezit':
»For ĉiujn viajn dubojn lasu!
Tradukon brile faris vi.
Al vi transdonas laŭrojn mi.«

Kaj nun mi pensas pri la kaŭzoj
De la kondamnoj de kritik'.
Okazis kial tiuj klaŭzoj
Kaj restis ĉio sen efik'?
Kaj jam ekdubas mi nevole
Pri mem Szilághy kaj pri Stroele.
Idealisma mondkoncept'
Verŝajne al la malakcept'
Instigis ilin ironie
Ĉar ne atingis ilin tem'
De l' poezi' de Puŝkin mem.
»Vulgara« realismo lia
Al ili ŝajnas mia pek' —
Kaj do rezultis la forstrek'!

Pli konvinkiĝas mi hodiaŭ,
Ke eĉ en poezia gus'
Diversa ideologio
Kondukas al kanonafust',
Sed malgraŭ ke asertas oni,
Ke eĉ ne eblas rekomponi
La majstroverkojn en traduk',
Grenadon pafas mi je flug':
Ne! Esperanto povas ĉion!
Respiras ja la nova viv'
En Esperanto kun aktiv'.
»Onegin« mia pruvas tion!
Ĝi bonas — (vetus mi kun gaj') —
Ne malpli ol... ĉe Kalocsay!...

---



# OBSERVO

H. D. NOMBERG. Li naskiĝis en la jaro 1876 en la urbo Mŝĉonu (Polujo) ĉe ĥasida (pia) familio. Estante ankoraŭ tre juna, lia patro mortis, pro kio li edukiĝis ĉe sia avo, la patro de la patrino.

Ĝis sia 18-a jaro li lernis en religia seminario, distingiĝante per sia profunda kono de talmudo kaj hebrea teologio. Post la edziĝo li komencis kleriĝi ankaŭ en aliaj branĉoj. Hazarde venis en lian manon la poezio de I. L. Perec, kiu faris sur lin grandan impreson kaj decidis veturi Varsovion por ekkoni la grandan poeton judan. Devigita disiĝi de sia edzino pro la subita »malpieco«, li en 1897. venis Varsovion, vizitis I. L. Perec-on, montrante al li siajn poeziajojn skribitajn en la hebrea (malnova) lingvo.

De tiam Nomberg restis jam en Varsovio, kie li — influite de la jus vizitita granda poeto — komencis verki judlingve, t. e. en la lingvo de la granda amaso, forjetante la verkadon en la malnova hebrea lingvo.

Inter liaj plej unuaj poeziajoj estas la poste tre populara popolkanto: (en la medioj de la laboristaj amasoj ĉefe konata) »kuras kaj pelas malhelaj nuboj«.

Lia populareco kreskis pli post la aperigo de sia novelo Fligelman, kiu estas verdire la akso, ĉirkaŭ kiu turniĝas preskaŭ ĉiuj ceteraj rakontoj de Nomberg.

Tiu ĉi verko estas la kvintesenco de la tuta nomberga tiparo homa. Li sukcesis doni al ni la generon de la koncerna inteligenta juda individualisto.

En lia novelo »Inter Montoj« ni havas denove en la persono de la heroo Ŝvarcvald ian specon de Fligelman, la individualisto. En liaj literaturaj noveloj nur kelkaj pritraktas kaj respegulas la malnovan kutiman

judan vivmanieron. (Verktradicio ĉe la judaj verkistoj ĝis lia veno) La plej granda parto en liaj rakontoj kaj noveloj pritraktas la transiron de la komunaj motivoj al la interna mondo de la individuo kun liaj personecaj intimaj travivajoj, skeptikismoj kaj sopiroj. Ĉefe li priskribas tipon de juda inteligentulo aŭ inteligenta proleto. La herooj de tiuj noveloj: oficistoj, instruistoj k. s. — estas preskaŭ ĉiuj variado de la sama kaj unika psikologia tipo: lacaj, senhelpaj mallertaj homoj sen forto kaj volo, homoj, kiuj konstante esploras kaj filozofas, malgraŭ ilia indiferenteco al la vivo, herooj de pasiva suferô kun enuo kaj sopiro anstataŭ amo — kaj amamariĝo anstataŭ malamo, ili agas solece, mizere en la mondo kvazaŭ delonge jam mortintaj, aspirante al senbrua rigida trankvileco. Nomberg estas inter tiuj, kiuj la unuaj enportis en la judan beletristikon la motivojn de soleco, morto, aflikto, maltrankvilo kaj timo antaŭ la vanteco kaj tragiko de la vivo. Psika analizo, enpenetra kapablo, kvieta kaj objektiva tono, klara kaj harmonia stilo, jen estas la karakterizaj ecoj de Nomberg. En la priskribado de liaj mizeraj sed noblaj kaj fieretaj herooj oni sentas la malvarmetan kaj saĝan ironion de skeptikulo kaj super ĝi ŝvebas lirismo persekutanta la aŭtoron en ĉia lia verkado.

Oni diras, ke la fono de lia verkaro estas li mem, la materialon li ĉerpis el propraj travivajoj kaj ke en kelkaj herooj enkorpiĝas lia persono.

Dum sia vivo li multe vojaĝis.

Li mortis en aŭtuno de la jaro 1927.

*S. Guterman.*

---




E. DREZEN: Skizoj pri teorio de Esperanto. Libro dulingva (esp-a kaj rusa). 84 paĝoj grandformataj. Eldonis Ekrelo, Leipzig. Prezo Mkg. 1.10.

La libro prezentas al ni skize ĉiujn lingvajn demandojn de Esperanto, ĝi traktas el ĝenerala vidpunkto gramatikon, fonetikon, morfologion, sintakson, semantikon, etimologion, parolas pri la evoluo kaj ŝanĝo de lingvoformoj, konsideras la diversajn vojojn de la lingvoprogreso. Ĝi enhavas multajn interesajn kaj aprobindajn opiniojn pri ĉi tiuj punktoj.

Ekzemple, evidente li estas prava, ke oni devas krei sciencan gramatikon, kiu ne imitas la gramatikojn de la lingvoj naturaj, sed konformiĝas al la speciala gramatika karaktero de Esp-o. Nekontesteble li pravas ke inter radikoj kaj sufiksoj ne ekzistas esenca diferenco en Esp-o. Eĉ mi ne apartigus, kiel li, *verajn* sufiksojn, ne *uzeblajn* memstare, ĉar, efektive, ili estas nur ne *uzataj*, sed tute ne maleble, ke iam *uzotaj* memstare. Ĉu ekzemple oni ne povus diri: *gea paro, boa rilato,* ĉu oni ne povus uzi memstare *isto,* kiel oni jam uzas *ismo*? Tiujn formojn kontraŭas nur la kutimo, sed kutimo povas ŝanĝiĝi.

Sed mankas loko, por pritrakti kaj konigi ĉiujn punktojn de la libro, kiujn mi aprobas, oni prefere legu ĝin mem. Mi volas paroli nur pri sola punkto,

La aŭtoro diras, ke ne necesas fiksi la gramatikan karakteron de la radikoj, ĉar la esperantistoj ja uzis ĝis nun perfekte la lingvon sen tia speciala fikso.

Nu, ĉi tiu aserto estas erara. La eraron de la aŭtoro kaj aliaj samopiniantoj (Ĉefeĉ, Panel) komprenebligas, ke vere en Esperanto unuavide ne estas evidenta la neceso de la fiksado, ĉar 1. la gramatika karaktero ofte sendube montriĝas per si mem (bel, grand, hom, dom, ag, kur, bat), 2. ofte estas tute egale el kia karaktero oni eliras: oni venas al la sama rezulto. (Ekzemple, se, laŭ la Fundamento, oni rigardas la radikon *interparol* substantiva, oni same povas el ĝi devenigi la formon *interparoli,* kiel el la verba *interparol* la formon *interparolo.*) Tamen ekzistas radikoj, kies fiksado estas nepra. Ni vidu la radikojn *bros* kaj *komb. Bros* estas substantiva, do broso estas *ilo, komb* estas verba, do kombo estas *ago.* Kaj ke la lingvouzo mem sentas la neceson de la fiksado, tion pruvas, ke ĝi mem ŝanĝis evidente la fund. karakteron de kelkaj radikoj. Ekzemple el la verbaj radikoj *flor, plant* ĝi faris radikojn substantivajn. Se mi diras: »mi rigardas floron de ĉerizarbo,« ĉiu komprenos, ke mi rigardas *unu* ĉerizfloron, kaj neniu, ke mi rigardas la *floradon* de la ĉerizarbo.

Krome, mia teorio de vortkunmeto, kiu senŝanĝe kaj senmanke interpretas la nunan lingvouzon, eblas nur per la akcepto de la karakterfikso. Ĉi tiu teorio, baziĝanta sur la vortreefiko, estas ĝis nun la sola vortkunmeta sistemo, kaj mi devas ĝin rigardi ĝusta, ĝis oni faros alian sur la bazo de la radikneŭtraleco. Mi firme kredas, ke fari tian ne estas eble, se nur oni ne ĉarpentos perfortan sistemon, nekomforman al la lingvouzo kaj al la direkto de la lingvoevoluo.

Kaj ĝuste ĉi tiu direkto, la validiĝo de la »neceso kaj sufiĉo«, postulas la fiksitajn radikkarakterojn. Se oni ĉiam alglues *ado,* aŭ *eco,* oni ja povas pli eviti la demandon pri la karaktero de la radiko. Sed se oni, kiel en la moderna Esp-o, ŝparas sufiksojn, multe pli ofte prezentiĝas la demando, ĉu la ideo de ago aŭ kvalito jam enestas en la radiko mem, aŭ oni devas ĝin marki aparte.

Kompreneble, ĉio ĉi ne malebligas, ke oni uzu »impresionismajn« formojn: »konstru(aj)o, manĝ(aj)o ktp., se la kunteksto tion ebligas, aŭ ke oni uzu formojn: *eksango, dismartelo, dum broso,* ktp., en kiuj la verbecon signas la nur-verba prefikso aŭ la nur-antaŭ-verba prepozicio.

Sed mi ne volas pli droni en la temo, mi rapide finas. La libro indas nepran rekomendon al ĉiu lingvistikemulo.

*Kopar.*

JUUZO JAMAMOTO: EN LA NEBULO. (Radiodramo.) El la japana: Kijohiko Cujuki. Eld. Japana Esp. Instituto. 26. p.

La drameto de la japana aŭtoro estas pura kaj trafa radio-dramo, la verkisto ne prunteprenas la elementojn de aliaj artospecoj: li subite eksentis la esencon de la senfigura voĉo, kiu radias el la mistera skatolo. — La rezulto de tiu ĉi bonŝanca eksento estas la perfekta travivajo de la timvekaj, mallumaj voĉoj, kirliĝantaj en la misterplena mara kaj anima nokto; kiam la potencoj de la mallumo flugadas per senbruaj vespertoflugiloj kaj susurvoĉe devigas, suferigas, humiligas la ploreman homon, kiu nun pripentas la dumtagan trofieron.

La laboro de la tradukinto estas laŭdinda; tamen ankaŭ ĉe li mi trovis multe pli multajn »je«, ol bezonate. Laŭ mia opinio ni devas eviti laŭeble la uzadon de la nedifinitajoj, kiuj plejparte estas bone anstataŭigeblaj. La tradukinto uzis la vorton »kiel«, anstataŭ »kvazaŭ« en la frazo: ». . . mi mem ne mortigis lin, sed same estas, kiel mi mem faris . . .« (anstataŭ: kvazaŭ mi mem estus farinta tion.) Sed samtempe mi ĝoje salutis la bonegan vorton de la tradukinto — survango — anstataŭ la barbara »vangofrapo«.

*Szilágyi*

KIJO CUJUKI: ŜTALA BIBLIO DE SAMURAISMO. (Eld. Japana Esperanto-Instituto, Tokio, 22 p.)

Historio kaj prikonigo de la glavo, kio estas manifestiĝo, simbolo de la Samuraismo: — kavalira honoro, alta karaktero kaj morala kuraĝo.

*Szilágyi*

WALTHER KLOEPFER: VAGABONDO KAJ SINJORINO. Romano. El la germana: L. Goppel. Eld. Heroldo de Esp. Köln, 204 p. Prezo: GM 2.—

La skeleto de la romano estas sufiĉe simpla kaj ne tro eksterordinara: sinjoro amas fraŭlinon, kiu jam havas fianĉon. Aliaj fraŭlinoj amas la unue menciitan sinjoron, tamen li ne estas feliĉa pro tio, ĉar li amas obstine la fianĉinon de la alia, malpli simpatia sinjoro. La aŭtoro laŭdeve prizorgas, ke la malpli honestaj konkurantoj kaj la virinmalhelpaĵoj foriĝu kaj tio okazas tiamaniere, ke la aŭtoro murdas la netaŭgulojn, aŭ je la plej malbona okazo ili suferas geedziĝan akcidenton; post la variecaj katastrofoj nia juna paro trovas sian feliĉon ĝuste sur la 204-a paĝo. La aventura romano rememorigas al ni certan specon de la amerikaj filmoj; ni ne povas nei, ke ĝi estas subliteratura verko, tamen legota de nia pli naiva tavolo, kiu ne mankas el la verda popolo. Do, mi ne batalas kontraŭ tiu ĉi aventurromano, kiu *siaspece* estas akceptebla produktaĵo de la »kajerromanoj«.

La traduko ĝenerale plaĉas al mi; sed la troa, nemotivita uzado de la prepozicio »je« estas mallaŭdinda. (Ekz. »Li frotblankigis siajn ungojn je la trouzita jako.« Kial »je«?) *Szilágyi*

K. SMOGORZEWSKI: POL-POMERANIO. (El la franca: S. Grenkamp. Eld. Esperantista Voĉo, Jaslo; 125 p. Prezo: Sv. fr. 2.50 + 20%).

Tiu ĉi libro estas okulfrapa ekzemplo pri la praktika uzebleco de Esperanto por la plej diversaj politikaj klopodoj. Temas pri la aktuala problemo de Pol-Pomeranio, kies solvon la aŭtoro rigardas el pola vidpunkto, tamen akcentante siajn pacifismajn dezirojn kaj tendencon. La detala historia studado de la problemo, la amaso de la diversaj datoj, klarigoj, planoj, la lerta grupigo de la temkomplekso, la ekzakta, spertoplena traduko igas la libron modela propagandverko. *Szilágyi*

NAUM JERUSALMI: EKSIGO. (El la hebrea: Leono Vienano. Eld. N. Szapiro, Warszawa. 40 p. Prezo: 0.40 sv. fr. + 20%.

La unua numero de la modestaspekta »Esperantlingva Novelbiblioteko« donacis al mi agrablan surprizon, allogan novelon de Jeruŝalmi, kies rakontmaniero eminente demonstracias la valoron de la simplaj, preskaŭ naive artaj rimedoj, kiuj kreskigis tiun ĉi ĉarman kamparan floron de la literaturo. Mi tute ne volas mortpremi la novelon per tro-saĝa analizado de la prirakontita juneca epizodo, kaj ankaŭ pri la traduko nur tiom, ke malgraŭ la respektinda talento de la tradukanto, mi denove retrovis ĉe li la malbenitan, trouzitan prepozicion: »je«. Mia pinĉilo elprenis la jenan frazon: »... li mortis je ftizo«. Por ĉiu naciano estas komprenebla la frazo: li mortis de ftizo. Same mi ne ŝatas la esprimmanieron: plena je ... *Szilágyi*

FUNDAMENTO DE ANIMO de Onisabro Deguĉi. Esperantigis kaj eldonis Oomoto-Propaganda Oficejo, Kameoka, Kioto-Hu, Japanujo. 1931. 48. p. Prezo: sv. fr. —.70.

La esperantistaro jam scias, ke la Oomoto (= origino de mondo) movado estas japana filozofia, religia kaj okulta celado, kiu deziras klarigi — precipe per la instruoj kaj rakontoj de sia majstro: Onisabro Deguĉi — la animan, spiritan vivon tiel en la tera, kiel en la postmorta vivo. La supra libreto estas tradukita el japana verko de Deguĉi kaj laŭvice prezentas liajn klarigojn pri la supertera kaj ĉiela vivo kaj pri la vojo de la homa spirito al eterna progresado. En kelkaj punktoj ĝi similas al la instruoj de la malnovaj religioj, en la plej multaj ĝi donas pli vastajn klarigojn, ofte tute novajn por la leganto. Sed ĉiuj klarigoj multe similas al la instruoj de la eŭropaj okultaj movadoj. La libreto enhavas ankaŭ foton de majstro Deguĉi. La nomo de la tradunkinto(j?) ne estas signita. Eĉ sen ia kredo oni povas kun intereso tralegi la bonstilan kaj korektan verketon kaj — pripensi. *P. B.*

LA SOCIETO DE AMIKOJ (KVAKEROJ) KAJ ĜIAJ ESENCAJ TRAJTOJ. Esperanta traduko de pre'ego de Edward Grubb, M. A. — Eldonita de Friends Service Council, Euston Road, London, N. W. I. Prezo: 3½ pencoj. 20 paĝoj.

Mallonga priskribo de historio kaj esenco de la kvakera (amika) movado, kiu forĵetante ĉiujn eksterajn dogmojn kaj ceremoniojn, celas per interna anima vivo realigi la instruojn de Kristo, »ĉar Dio mem, kun sia lumo kaj vero, ĉeestas en la profundo de ĉiu homa koro, kaj sin malkaŝos al ĉiu, kiu lin aŭskultos kaj obeos.« Por la kvakeroj la kristana unueco estas vivmetodo bazita je sperto. Jen nur du ekzemploj el ilia firma volo vivi kristane: La kvakeroj estis la unuaj en Usono, kiuj decidis, ke sklavposedanto ne povas esti ilia membro. Dum la milito ili ebligis por siaj membroj, kiuj ne volis servi sur la batalkampo, servadojn en armeo kuracista, ambulanca, savista kaj militviktima oficejoj kaj helplokoj. Post la milito ili helpis al suferantoj, precipe al infanoj en la venkitaj ŝtatoj. Fine estas menciinde, ke simile al Bahaa kaj Oomoto-movadoj, ankaŭ ili kredas, ke ili »havas propran kontribuon al la Reunuiĝo de la Kristanaro.«

Kelkaj gramatikaj aŭ eble nur preseraroj kaj ne ĉie bona stilo ne malhelpas, ke la kajereto estu leginda por interesiĝantoj.

*P. B.*

L. VIENANO: ESPERANTO PER ESPERANTO. Lernolibro laŭ senpera metodo. Kun metoda enkonduko. Warszawa 1932. Librejo: N. Sapiro, Novolipki 8. Prezo: 0.20 dolaro. + 20% 68 p.

Ni ĝoje salutas la disvastiĝon de la t. n. senperaj, rektmetodaj lernolibroj. tre bone uzeblaj en ĉiuj landoj kaj donantaj grandajn sukcesojn. Tiu ĉi lernolibro estas unu el ili. Per helpo de nemultaj vortoj, rakontoj, proverboj, ĝi facile enkondukas la komencantojn en la misterojn de nia lingvo.

ARVIDS KURMIS: LA KAUZO KAJ LA DEVO. Traktaĵoj kaj rakontoj. Prezo: 4 usonaj centoj. Eldonejo: Scienco kaj vivo, Riga. 16 p.

Rakontetoj, malgrandaj meditadoj pri la progreso de l' tekniko, pri la kaŭzo de la troa produktado, senlaboreco, malgrandaj salajroj kaj milito. Bedaŭrinde la lingvo ne estas senriproĉa.

HILLAR SAKARIA: ENKONDUKO EN LA PEDAGOGION. (Historia skizo.) Tallinn. 20 p. Prezo: 2 respondkuponoj.

Tre utila libreto por multaj, interesataj pri la problemoj de l' edukado. Tre klare kaj koncize ĝi resumas ĉion, kion indas ekscii pri pedagogio kaj pedagogoj.

F. LINDÉN: KURS I. ESPERANTO. 84 p. Stockholm, Förlagsföreningen Esperanto. Prezo: 90 öre.

Svedlingva lernolibro en dudek lecionoj, sur bona papero kaj kun bonaj litertipoj. Konversacioj kaj rakontetoj. Ankaŭ por privata lernado ĝi taŭgas.

DR. LEOPOLD DREHER: SUPERA KURSO DE ESPERANTO. Dua eldono. 66 paĝoj. Eldono de la aŭtoro. 1932. Prezo: 1.— svfr. + 10%.

La celo de tiu ĉi libreto estas eduki perfektajn espistojn el la novaj adeptoj kaj la fakto, ke ĝi jam aperas en dua eldono, pruvas, ke ĝi kapablas je tio. Estas bedaŭrinde, ke la ĉapitro, kiu traktas pri la originala literaturo en Esperanto, jam ne respegulas fidele la nunan staton de nia literaturo. Iom pli da aktualeco ne estus malutilinta. Cetere ni deziras al la libro baldaŭ trian eldonon.

*Piscis Parvus.*

INTER NI-A ESPERANTO KANTARETO. Eld. de La Suda Suno, Reusel; 16 p.

Elegante presita kantareto, enhavanta ĝenerale religiajn kantotekstojn kaj kelke da popolkantoj por la uzado de Esperantistoj en bona stilo.

*Szilágyi*

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István